# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 1/2004**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto VÁŇA


## PACO EN LA MONDO NE EBLAS SEN INTERNA PACO

**Paco en la mondo... Ĉu la nuntempa monda situacio povus esti pli malproksima de paco?**

**La hodiaŭa mondbildo ĉie reflektas bildon de malamo, milito kaj aliaj teruraĵoj: inter nacioj, inter popoloj, etnoj, religioj... Sed tiuj konfliktoj ĉiam ankaŭ estas konfliktoj inter homoj.**

**Tiuj, kiuj aŭdas pri milito kaj malpaco de malproksime, ofte ignoras aŭ simple ne plu pensas pri tiu ĉi aspekto. Ni tiom kutimas aŭdi tiajn novaĵojn, ke ni ne plu vere atentas pri la esenco de la afero: la homo, la malfeliĉa, torturita homo, kiu travivas ĉion per sia tuta estaĵo, per sia tuta kapablo de pensado kaj sentado kaj kiu iom post iom mortas interne, ĉar li ne plu permesas al si pensojn aŭ sentojn, kiuj povas terurege damaĝi lian tutan estadon.**




**Kie troviĝas la kaŭzo? Ĉu en la nuntempa postkurado de mono, honoro, povo, ... ĉiam pli postulante de si kaj de aliaj? Ĉu en la homo mem, kiu forgesas la plej gravajn aferojn de la vivo, ĉar ili estas tro simplaj?**

**Ĉu la interna vivo de la homo ĉiam pli malriĉiĝas? Ĉu ne plu estas prizorgataj valoroj, kiel amo por siaj kunhomoj, amikeco, respekto por la vivo, ...? La kultivado de via interna ekvilibro tre valoras. Se nia interno reflektas la bonajn ecojn, kiel kontento, amikeco kaj pacamo, tio certe influas pozitive nian ĉirkaŭaĵon. Tio donas forton alfronti problemojn kaj serĉi solvojn por konfliktoj laŭ ekvilibra maniero. Tiel oni konstruas pacon, malakceptante perforton, envion, kaj akceptante – tute libere de timo – la aliecon de la alia homo en lia tuta estado – provante vivi kun diverseco, kiu povas esti nur riĉiga. La ekstera mondo estas nur reflekto de la interna sinteno de la homo, do ankaŭ de vi!**

**Levilkarto n-ro 5, septembro – oktobro 1993**

## Enhavo



Abonpago

En la jaro 2004 la jarkolekto (kvar numeroj) por slovakoj kostos 150 Sk, por eksterlandanoj pro pli altaj sendokostoj 200 Sk. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la poŝtpagilo kun la mencio „ES 2004"
al la adreso de la teknika redaktorino
(M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA).
Laŭeble bonvolu sendi la informon pri la pago
al ŝia poŝta adreso
aŭ al ŝia retadreso <esperanto.fejfi@vud.sk>.

*Rekomendite estas sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo - tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.*

GRAVE: La unuan venontjaran numeron
de ESPERANTISTO SLOVAKA ni sendas al ĉiuj,
kiuj abonis ĝin por la jaro 2003.
La postajn numerojn ni sendos nur al tiuj, kiuj pagos
la abonon por la jaro 2004. Tiuj, kiuj pagos pli poste,
ricevos nur la numerojn poste eldonitajn.

La redakcio kore dankas al vi.

Pluaj abonantoj de Esperantisto Slovaka por la jaro 2004:

*Anna BOBKOVÁ, Senica n/M.; Irma ČERNÁ, Púchov; Juraj GONDŽÚR, Žilina; Petr CHRDLE, Dobřichovice, CZ; Andrea JANČÁROVÁ, Stupava; Milan KAAN, Košice; Norbert KARBE, Pirna, DE; Alica KOMLÓŠI, Bratislava; Janka KOSTOLNÁ, Žilina; Martin MAJTÁN, Rajecké Teplice; Ján MIKLOŠ, Čakanovce; Martin MINICH, Bratislava; Iveta MORGOŠOVÁ, Žilina; Milan NEUBELER, Poprad; Zlatica PÁLFYOVÁ, Dunajská Streda; Viliam RÁC, Partizánske; Jarmila RECHTORISOVÁ, Bratislava; Jolana STANÍKOVÁ, Ochodnica; František STRUMÍNSKÝ, Břežany, CZ; Rastislav ŠARIŠSKÝ, Levoča; Magda ŠATUROVÁ, Bratislava; Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto n/V.; Miroslav VALÁŠEK, Kysucké Nové Mesto*


*Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*
*Peter BALÁŽ, Katarína BODNÁROVÁ, Ľubomír FAJTH, Magdaléna FEIFIČOVÁ, Bartolomej KOLIBÁR, Stano MARČEK, Zlatica PÁLFYOVÁ, Zdeňek PLUHAŘ, Jarmila RECHTORISOVÁ, Ivan SLÁVIK, Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Ján VAJS*
*aliaj informoj estas transprenitaj el la Interreto*

Fino de la redakta laboro: 04-03-2004

Eldonkvanto de la numero: 100 ekzempleroj

*Redakta konsilantaro:*

Ľubomír FAJTH

Katarína BODNÁROVÁ

Magdaléna FEIFIČOVÁ *(teknika redaktorino)*

Vladimír NĚMEC *(lingva redaktoro)*
ĉi numeron pro malsano de inĝ. Vladimír NĚMEC
lingve korektis d-rino Magda ŠATUROVÁ



Adreso de la redakcio:

Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA-Prosné č. 161

*tel.: 0907/486 866*
*retpoŝto:* <esperanto@bb.telecom.sk>


La kontribuaĵojn por la n-ro 2/2004 ni atendas ĝis la 30-a de aprilo 2004

## NI KAJ UEA

Laŭ la pasintjara listo de UEA (novembro 2003) la datenaro de la Centra Oficejo de UEA registras ***132 slovakajn adresojn***.

**El inter ili:** unu estas la kontaktadreso de SKEF (nun kun la adreso de s-ino M. TOMAŠOVIČOVÁ); unu la Speleologia fakgrupo delonge ne funkcianta (adreso de E-klubo en LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ); du funkcias por atingi eldonaĵojn (la revuo *ESPERANTO* ĉe S. MARČEK kaj *ESPERANTISTO SLOVAKA* ĉe M. FEIFIČOVÁ); unu presejon (por *ESPERANTO*); du signas klubojn (Liptovský E-Klub, E-Klubo ŽILINA); unu SAFE (*SLOVAKIA ASOCIO DE FERVOJISTOJ – ESPERANTISTOJ* ĉe M. FEIFIČOVÁ); ĉe unu adreso estas noto, ke la koncerna esperantisto ne volas plu membri.

**El la restantaj 123 prinotitaj membroj estas:** kvar dumvivaj membroj (K. BODNÁROVÁ, J. REINVART, M. FEIFIČOVÁ, V. BÚR); 20 personoj aliĝis por la jaro 2003 (el ili du estis membrigitaj helpe de *FONDAĴO CANUTO* (F. POBOČEK, I. SLÁVIK). Apartaĵo: unu membris en *SOCIETO ZAMENHOF* (H. SERES), do, krom la aliĝkotizo en la elektita kategorio pagis krome mecenatan kotizon.

*Kion diri pri la restantaj 99 esperantistoj el Slovakio? Ili - iliaj nomo, adreso, naskiĝdato, telefonnumero, notoj pri la membreco (de 1981) kaj kelkaj pliaĵoj restas en la komputila adresaro, ĉar li/ŝi iam partoprenis almenaŭ unu UK-n aŭ membris en UEA unu aŭ pliajn jarojn. La ĉefdelegito decidas, ĉu iun el tiuj nomoj forstreki – kiam evidentiĝas, ke la iama membro ne plu aktivas, ne plu montras ian-ajn intereson pri Esperanto, ne estas reala espero, ke indas teni la noton.*

**Kiom kostas la membreco**, se oni tamen decidas aliĝi al UEA? Individua membreco kun la ricevo de Gvidlibro ***220 Sk***. Individua membreco kun la ricevo de Jarlibro (kaj ĝis inkluzive 29 jaroj, membreco de TEJO kun la revuo Kontakto sen plia abonpago) ***540 Sk***. Individua membreco kun abono: kiel la antaŭa kategorio plus ĉiumonate la revuo Esperanto: ***1 350 Sk***. La dumviva membreco kostas la 25-oblon de la membro-abonanto - kategorio (25 x 1 350 Sk = ***33 750 Sk***). Se vi ne deziras membri en UEA, nur aboni la revuon Esperanto (redaktatan de Stano MARČEK, presatan kaj ekspedatan en - el Slovakio), vi pagu ĉi-jare ***810 Sk***. La revuo Kontakto aboneblas kontraŭ ***490 Sk***. Tiuj-ĉi prezoj validas ĝis la 30-a de septembro 2004.

*Estante membro de UEA vi havas pli favorajn prezojn ĉe la aliĝo al UK-j.*
*Kaj sciu, ke la movado bezonas vin. Via kotizo helpos inter alie membrigi tiujn esperantistojn, kiuj tre ŝatus tion, sed tute ne havas por tio rimedojn.*
*Ni ja tamen ne estas tiom malriĉaj.*

Aldono: **Aliĝojn al UEA aranĝas nia ĉefdelegito,**
s-ro Milan NEUBELER, (Popradskej brigády 14, Bl. Slnečnica B, 058 01 POPRAD).

**Katarína BODNÁROVÁ**

## SOMERAJ AKTIVECOJ DE TURISTOJ KAJ BICIKLISTOJ

### LAGO NEUSIEDLER SEE

Inter Hungario kaj Aŭstrio estas granda lago NEUSIEDLER SEE. Oni povas diri, ke ĝi estas pli malgranda frato de BALATONO. Vendrede la 18-an de julio 2003 J. VAJS kaj M. VALÁŠEK foriris el la slovaka ĉefurbo BRATISLAVO. Estis jam malfrue posttagmeze, kiam ili trabiciklis DANUBON trans la PONTO SNP (Slovaka nacia libero). Nuntempe la ĉefurbanoj tranomis ĝin simple NOVA PONTO. Eble ili hontas por sia historio. La ĉefurbo estas landlima urbo. Tio signifas, ke esperantistoj – biciklistoj estis post kelkaj minutoj en doganejo. De la landlimo ili biciklis ĝis GATTENDORF sur ĉefvojoj, poste sur ciklovojetoj. En Aŭstrio estas multaj bonkvalitaj ciklovojetoj kun informtabuloj kaj servoj. Ankaŭ en Slovakio estas aĉeteblaj ciklomapoj. En la urbo NEUSIEDL AM SEE ili unue vidis la lagon. Bonkvalita herbeja plaĝo estis vespere sen homoj. Suno malrapide subiras. Biciklistoj vespermanĝis kaj lavis sin. Ili dormis en dormosakoj sub multstela ĉielo. Romantika nokto dank' al kuloj ŝanĝiĝis al infero. Sed laciĝo venkis kaj atakojn de kuloj esperantistoj ignoris.

Vekiĝo sabate frumatene estis denove sub reĝisorado de kuloj. Blasfemantajn dormantojn ili eldormsakigis jam antaŭ la kvina horo. Montriĝis, ke kuloj faris al la biciklistoj bone, ĉar tuj post la eldormsakiĝo komenciĝis priŝprucado de herbejo. Akvo fluis rekte al dormolokoj. Mateno estis freŝa kaj biciklado estis rapida. Celo de esperantistoj estis orienta bordo de la lago NEUSIEDLER SEE. Post la civito WEIDEN finiĝis asfalta vojeto kaj komenciĝis pulvovojo inter pitoreska lando. Dominas kanaro. De tempo al tempo ĉe la vojeto staris ligna elvidturo, el kiuj oni povas trarigardi ĉirkaŭaĵon. En la civito PADERSDORF ili denove vidis lagon. Longa moleo kondukas malproksime de bordo. Blovis forta vento, surfaco de la lago ondadis. Fiŝkaptistoj pacience sidis kaj atendis. Anseroj paŝtis sin sur freŝa verda herbejo. Ŝipoj en haveno



*Mateno en la haveno*

balancis sur ondoj. Estis frumatene kaj homojn oni ne vidis. Post PADERSDORF havas la lando agrikulturan karakteron. Grandaj kaj malgrandaj vinberejoj kaj maizaj kampoj estis ambaŭflanke. De tempo al tempo oni aŭdis pafadon de timigilo kontraŭ la birdoj, kiuj bekis vinberojn. La unua falĉado estis kunruligita en grandajn pakaĵojn. Por fotografado estis bona objekto porkoj – *mangalica*, kiuj estas interesaj pro netipa longa hararo, kaj libere paŝtata grego da ĉevaloj. Ĉe la vojo estis mortigita virkapreolo kun estingiĝitaj okuloj. En la civito ILLMITZ estas informcentro de nacia parko. Bedaŭrinde sabate oni ĝin malfermas nur je la 10-a horo. Matena paŭzo estis en APETLON. De ĝi ĝis landlimo inter Aŭstrio kaj Hungario la vojon oni trairis rapide tial, ĉar vento blovis en dorsojn. Doganistoj en landlimo estis decaj. La hungara parto de la vojeto estas pli malbona ol la aŭstra. Surfaco estas disrompita, radikoj de arboj levis asfalton kaj vojeto ŝanĝiĝis je rulkurteno. Ofte vojdirekto kondukas sur ĉefaj vojoj kun aŭtomobiloj. Ankaŭ la vento blovis kontraŭ. Ĉirkaŭ tagmanĝo biciklistoj estis lacaj pro longa vojo kaj pro varmo. Ili decidis ĝisatendi tagmezan varmegon en civito FERTÖRÁKOS sur bordo de la lago. Suno rostis homojn kaj asfalto radiis varmegon. Malfacile ili biciklis. Ankaŭ bordo ŝanĝiĝis el ebeno al montareto. Ili malrapide alvenis al landlimo en okcidenta bordo de la lago. Doganejo estas nur por biciklistoj kaj piedirantoj.

Tra urbeto MÖRBISCH ili trabiciklis kaj varmego en urbo RUST estis tre granda. Tial ili denove paŭzis kaj naĝis en malprofunda lago. La plej granda profundo en lago estas 1,5 m kaj sur fundo estas larĝa tavolo de griza ŝlimo. Banado ilin refreŝigis kaj biciklado daŭris tra la civitoj OGGAU kaj SEEHOF. Ĉi tie ili renkontis samlandanojn el mezslovaka vilaĝo BACÚCH. Tagan vojaĝon ili finis en la urbo PURBACH. En tiu parto de la lago NEUSIEDLER SEE inter bordo kaj libera surfaco de la lago estas larĝega kelkkilometra zono de kanaro. Inter haveno kaj lago estas tri kilometroj longa kanalo. Laŭ ĝi kondukas vojo kaj sur ĝia fino estas loko por konstrui tendon. Post lastnokta sperto ili volis kaŝi sin antaŭ kuloj. Nokta invado de kuloj estis tiel intensa, ke ĝi sonis kiel pluvo.

Dimanĉe frumatene denove kuloj ilin vekis. En la tendo flugis miloj da kuloj. Kiamaniere la kuloj eniris en la tendon, restis mistero. Por fotado estis interesa la sunleviĝo. Biciklado daŭris tra pitoreskaj vilaĝetoj plenaj da dimanĉa trankvileco: BREITENBRUN, WINDEN kaj JOIS. Ĉe la hundekzercejo en NEUSIEDL AM SEE estis fermita rondo ĉirkaŭ la lago NEUSIEDLER SEE. Biciklistoj – esperantistoj komencis vojon hejmen. En la civito NEUDORF (NOVO SELO) ili renkontiĝis ĉe la preĝejo kun avo, kiu estas kroato. Li parolis pri la vilaĝo kaj loĝantoj, same kroatoj. Poste tra

civitoj DEUTCH-HASLAU, PRELENKIRCHEN, EDELSTUL ĝis BERGEN ili alvenis al landlimo kaj BRATISLAVO.

La vojo estis tre interesa. Vizitantoj vidis tre interesan landon kun speciala naturo. Ankaŭ arkitekturo estas interesa. La lago NEUSIEDLER SEE estas vizitebla kaj el BRATISLAVO facile atingebla per biciklo, aŭtomobilo aŭ trajno. La partoprenantoj per biciklo trairis 240 km. Rondvojo ĉirkaŭ la lago estas longa 120 km kaj de BRATISLAVO ĝis la lago NEUSIEDLER SEE estas proksimume 50 km. La partoprenantoj rekomendas tiun vojon por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri bela naturo.

## BRATISLAVAJ CIKLOTAGOJ

Esperantistoj – biciklistoj renkontiĝis inter la 8-a kaj 10-a de aŭgusto 2003 en la ĉefurbo de Slovakio. Ĉi tie okazis *BRATISLAVAJ CIKLOTAGOJ*. Partoprenis ĝin M. VALÁŠEK kaj J. MITAŠOVÁ (E-klubo Žilina), J. VAJS, B. VAJSOVÁ, P. PROCHÁZKA, E. PROCHÁZKOVÁ kaj J. KRESÁK (LEK). Vendreda programo komenciĝis per alveno en ĉefan stacidomon. Post loĝigo la partoprenantoj vizitis monteton KAMZÍK. Bicikle ili trairis valon de VYDRICA kaj tra la kruta vojo biciklis al KAMZÍK. Ĉi tie ili refreŝiĝis per trinkaĵoj kaj per la sama vojo rapidbiciklis ĉe la bordo de DANUBO.



*La ciklistoj surborde de Danubo sub Bratislava burgo*

Sabate matene komenciĝis ciklovojaĝo en BRATISLAVO de Botanika ĝardeno. Tra la PONTO LAFRANCONI ili venis al dekstra bordo de DANUBO. Mateno estis ideala por komuna fotografado kun Bratislava kastelo kaj novkonstruita ponto. Sur la dekstra bordo kondukas bona vojeto. Dum someraj tagoj multaj loĝantoj el ĉefurbo ĉi tie bicikladas, rulglitkuradas kaj kuradas. Ĉirkaŭ la vojeto estas multaj bufedoj. Unua paŭzo estis en ČUŇOVO, kie estas arealo por akvosportoj. En kanalo kun rapidakvo estas konata NIAGARA AKVOFALO, kiu estas teruraĵo por sportistoj. Najbare de la sporta arealo estas tre bela kaj nova galerio DANUBIANA. La partoprenantoj vizitis ĝin kaj trarigardis ekspozicion ene kaj ekstere. La galerio havas ekspozicion pri moderna arto. Antaŭ la galerio kateto ludis kun juna kolubro. La kateto kiel tigro atakis la kolubron, al kiu videble ne plaĉis tiu ludo. Kiel anakondo ĝi agresis la kateton, sed ĝi reagis tre rapide. Post kelkaj minutoj de la ludo-atako malmultiĝadis fortoj de la kolubro. Ĝi volvis sin je malgranda rondeto kaj nur per kapo de tempo al tempo

atakis la kateton. La ludon interrompis kasistino el la galerio.

Tagmeze la suno brilis kaj la partoprenantoj ŝvitis. En la vilaĝo VOJKA estas granda lago, kie multaj homoj banis kaj ripozis. Unu horon ripozis ankaŭ la esperantistoj. Poste ili tagmanĝis en restoracio fiŝajn manĝaĵojn. Sur la maldekstra riverbordo la biciklistoj trairis per senpaga pramo. De la vilaĝo KYSELICA komenciĝis reveno al BRATISLAVO. Manĝpaŭzo estis en la civito HAMULIAKOVO, kie ili trarigardis preĝejon kun oblikva turo kaj manĝis hungaran fiŝsupon – *halászlé*. Post kelkaj kilometroj de HAMULIAKOVO estas DUNAJSKÁ LUŽNÁ, kie ili denove sinbanadis en vilaĝparto KOŜARISKÁ. La tago estis finita en BRATISLAVO sur la Placo de HVIEZDO-SLAV. En sukeraĵejo ili trinkis kaj manĝis glaciaĵojn. Post reveno al la loĝejo E. PROCHÁZKOVÁ preparis bongustan italan manĝaĵon – spagetojn.

Dimanĉa etapo de *BRATISLAVAJ CIKLOTAGOJ* kondukis okcidente de la ĉefurbo al nacia memorloko - kastelo DEVÍN. Sub la kastelo estas kunfluo de riveroj DANUBO kaj MORAVO. Kelkajn kilometrojn de la kastelo estas interesa geologia loko SANDBERG. Post ĝia trarigardo la biciklistoj daŭrigis la vojon laŭ la rivero MORAVO. Siatempe la rivero estis forte gardata landlimo inter Ĉeĥoslovakio kaj Aŭstrio. Esperantistoj vidis kelkmetran barilon el pikildrato kaj betonajn fuortojn. Lasta parto de dimanĉa etapo apartenis al rezervejo de cikonioj. Reveno al la ĉefurbo signifis finon de la tuta entrepreno. Dum la tri tagoj la esperantistoj – biciklistoj trairis 191 km kaj ekkonis kaj vidis belajn partojn de nia patrolando. Vetero estis suna kaj varmega.

## EKKONU ALTAJN TATROJN

Tradicia turisma entrepreno ***EKKONU ALTAJN TATROJN*** okazis de la 16-a ĝis la 17-a de aŭgusto 2003. La entreprenon partoprenis esperantistoj el POPRAD (D. GRIGUŠ, M. GRIGUŠOVÁ), el *LEK* (J. VAJS, V. SUROVČEK, V. ŠKUTA) kaj el ŽILINA (M. VALÁŠEK, J. MITAŠOVÁ). Sabate la partoprenantoj per trajno kaj aŭtobuso veturis en montaran vilaĝeton TATRANSKÁ JAVORINA (1 018 m). La vilaĝeto estas mil metrojn super la maro kaj havas nur 150 loĝantojn. En la vilaĝeto estas pitoreska katolika preĝejo de S-ta Anna, kies konstruon iniciatis fine de la 19-a jarcento princo Kristián HOHENLOHE. Li kaj artpentristo de tatraj montopintoj Jaroslav VOTRUBA estas entombigitaj en la vilaĝa tombejo. En la vilaĝeto komenciĝis supreniro tra la valo ZADNÉ MEĎODOLY al la montpasejo KOPSKÉ (1 749 m). La vojeto kondukas laŭlonge de estinta kontrabandista vojeto, per kiu estis kontrabanditaj varoj inter Pollando kaj Hungarujo. Dekstre de la vojeto estis montopintoj de ALTAJ TATROJ kaj maldekstre belege brilis montaro BELANSKÉ TATRY. La montpasejo KOPSKÉ estas limo inter du montaroj. Montaro BELANSKÉ TATRY konsistas el kalkŝtono kaj la baza strukturo de ALTAJ TATROJ estas el granito. Diferencon inter mineraloj oni povas ankaŭ vidi laŭ la floraro. Sur kalkŝtono kreskas pli belaj kaj pli multkoloraj floroj kaj kreskaĵoj. Turisma paŝado tra la valoj ZADNÉ MEĎODOLY kaj KEŽMARSKÉ BIELE VODY estas tre interesa por tiuj, kiuj ŝatas altmontaran belecon kaj naturan diferencon.

Post venta tagmanĝa paŭzo la supreniro daŭris sur la montopinton JAHŇACÍ (2 229 m). V. SUROVČEK decidis pro la deficito de fortoj descendi el la montpasejo al ZELENÉ PLESO kaj tie atendi la ceterajn en la altmontara kabano

BRNČALKA ĉe glaso da malvarma biero. Sur la krutaj deklivoj paŝtis sin ĉamoj kaj en valo paŝadis multaj turistoj. Dekstre estis profunda valo kaj maldekstre pitoreska valeto kun malgrandaj BLANKAJ ALTMONTARAJ LAGETOJ. Lasta parto de la supreniro sur la montopinton JAHŇACÍ estis tre kruta kaj la partoprenantoj suprengrimpis sur la rokegoj. El la montopinto estis tre bela rigardo al la montaro BELIANSKE TATRY kaj montopintoj ĉirkaŭ montopinto LOMNICKÝ. Vetero estis tre bela kaj la altmontara telfero sur la montopinton LOMNICKÝ estis tre bele videbla. Per lorno ni ekkonadis ĉirkaŭajn montopintojn, valojn, lagojn, urbojn kaj vilaĝojn. D. GRIGUŠ bone konas tiun ĉi parton de ALTAJ TATROJ kaj lia instruado estis interesa. V. ŠKUTA demandis nin, ĉu sinjorino M. ŠATUROVÁ supreniris al montopinto JAHŇACÍ. Ni ne sciis, sed li, prenante malgrandan esperantan turisman vortareton de M. ŠATUROVÁ diris, ke hodiaŭ ŝi supreniris kun ni. La montopinto JAHŇACÍ estas la plej orienta montopinto de ĉefa montodorso de ALTAJ TATROJ. Ĝi estas unu el la ok turisme alireblaj montopintoj en slovaka parto de ALTAJ TATROJ. Unuan konatan supreniron al la montopinto efektivigis Dr-o Robert TOWSON en la jaro 1793.



Post unuhora restado sur la montopinto la partoprenantoj descendis laŭ la turisma vojeto plena da polaj, hungaraj, ĉeĥaj kaj germanaj turistoj. Triopo D. GRIGUŠ, M. GRIGUŠOVÁ kaj V. ŠKUTA descendis al ZELENÉ PLESO kaj revenis hejmen. Dua triopo J. VAJS, M. VALÁŠEK kaj J. MITAŠOVÁ supergrimpis al JASTRABIA VEŽA (2 139 m). En la pinta parto la grimpado estis komplika kaj la triopo ŝanĝis sin el turistoj al grimpistoj. Sur la montopinto ni renkontiĝis kun polaj alpinistoj, kiuj elgrimpis el alia, pli komplika parto de la montopinto. Legendo pri JASTRABIA VEŽA parolas pri fora estinteco. Sur kruta nekonkerebla montopinto trembrilis altvarola ŝtono. Multaj kuraĝuloj sopiris pri ĝi, sed neniu sciis, kiamaniere privenki krutajn ŝtonegojn de la montopinto. Unue tion realigis juna kuraĝulo, kiu promesis al sia amatino, ke li alportos al ŝi la altvaloran ŝtonon kiel geedziĝan donacon. En tiu momento, kiam la kuraĝulo tuŝis la ŝtoneton, la gardisto de tatraj trezoroj ektremigis ŝtonan muron kaj la malfeliĉa juna homo falis en lageton sub la montopinto JASTRABIA. Akvo lin englutis kune kun la verda ŝtono, kiun li ĉirkaŭpremis en la fingroj. Akvo en ĉi altmontara lageto ĝis hodiaŭ verde fosforeskas. Laŭ tiu legendo oni nomas la altmontaran lageton ZELENÉ PLESO (*Verda lageto*).

Descendo estis rapida kaj al la kabano BRNČALKA (1 551 m) ni alvenis vespere. La kabano estis plen-plena. Multaj turistoj, alpinistoj kaj vizitantoj sidis en kaj ekster la kabano. Vespermanĝo kun varma supo kaj biero renovigis la

fortojn. Lokoj por dormado mankis. Ni ne havis problemon, ni jam unu monaton antaŭe rezervis la dormlokojn. Por refreŝigo de niaj korpoj estis bone, ke ni povis duŝi nin. Kiam ni endormsakiĝis, tuj ni dormis.

Dimanĉe frumatene estis tre bela vetero. TATROJ kaj tuta naturo brilis kaj vivis. Rigardo de ZELENÉ PLESO estas tre interesa. Antaŭ ni staris giganta ŝtona muro. Ĝi estas en ALTAJ TATROJ la plej alta vertikala muro. Ĝi havas 900 m kaj kreas nordan muron de montopinto MALÝ KEŽMARSKÝ (2513). Unufoje ĝin grimpis en la jaro 1967 P. POCHYLÝ kaj J. UNGER-ZRŮST. Post la matenmanĝo nia grimpado daŭris al la montopinto VEĽKÁ SVIŠŤOVKA (2 037 m). Estis suna mateno kaj sur turisma vojeto estis malmultaj turistoj. De la montopinto oni vidas observatorion ĉe la altmontara lageto SKALNATÉ PLESO. La telfero jam laboras kaj sputas amasojn da turistoj kaj vizitantoj. Alproksimiĝante al SKALNATÉ PLESO ni renkontadis pli kaj pli multdiversajn vizitantojn. Granda parto da ili estis malbone vestitaj kaj ŝuitaj. Tio ne gravas, kiam la vetero estas bela. Ĉirkaŭaĵo de la sekiĝinta lageto estis plene okupita de homoj. Ni rapide foriris laŭ la TATRA MAGISTRALO rekte al HREBIENOK. TATRA MAGISTRALO estas en horora stato. Vojeto estas disrompita kaj videble ne sufiĉas al centoj kaj miloj da turistoj paŝantaj sur ĝi. En HREBIENOK laboris surtera telfero. El la stacidomo eliradis multaj homoj. Ŝajnas, ke ili piedpremas TATROJN. Descendo al STARÝ SMOKOVEC estis rapida kaj agrabla malgraŭ tio, ke niaj piedoj jam estis malfreŝaj. Per aŭtobuso kaj vagonaro ni revenis hejmen.

***Tiu ĉi-jara esperanta entrepreno en nia ununura altmontaro estis tre interesa kaj plenumis la ĉefan taskon: ni ekkonadis TATROJN. En TATROJ ni vidis multajn vizitantajn homojn. Absolute la plej granda el ili estis eksterlandanoj. Slovakoj mankas. Nu eble ili jam konas la montaron. Ĉu ankaŭ esperantistoj el Slovakio konas la altmontaron? Nur ok montopintoj de slovaka parto en ALTAJ TATROJ estas libere alireblaj: KRIVÁŇ (2 496 m), FURKOTSKÝ ŠTÍT (2 404 m), RYSY (2 499 m), VÝCHODNÁ VYSOKÁ (2 429 m), JAHŇACÍ ŠTÍT (2 229 m), KÔPROVSKÝ ŠTÍT (2 363 m), SLAVKOVSKÝ ŠTÍT (2 452 m), VEĽKÁ SVIŠŤOVKA (2 037 m). Dum la entrepreno EKKONU ALTAJN TATROJN esperantistoj supreniris al jenaj montopintoj: en la jaro 1998 – KRIVÁŇ (15 partoprenintoj), en la jaro 1999 – VÝCHODNÁ VYSOKÁ (14 partorpenintoj), en la jaro 2002 – RYSY (7), en la jaro 2003 – JAHŇACÍ ŠTÍT (7 partoprenintoj). Restas kvar montopintoj kaj multaj aliaj, sur kiujn oni povas supreniri kun altmontara gvidanto. En ALTAJ TATROJ estas larĝa kampo por esperanta turisma agado. Venontjare esperantistoj el LEK preparas enkadre de la projekto 12/12 unu el la plej interesaj supreniroj al montopinto en ALTAJ TATROJ. Ĉiuj estos bonvenataj.***

**Jano VAJS**



**NE FORGESU REABONI ESPERANTISTON SLOVAKA!**

**Pri la abonkondiĉoj kaj ĝisnunaj abonintoj legu en la dua paĝo de la bulteno!**

## REMEMORE JE LA NEĜISVIVITA 80-JARIĜO DE AUGUSTÍN ČAMBÁL

*Augustín ČAMBÁL naskiĝis la 23-an de majo 1924 en la vilaĝo MODRANKA, nun parto de TRNAVA. Jam en la jaro 1946 li partoprenis la fondan kunvenon de Slovaka Esperanto Societo (SES), kiu okazis en Bratislava, kaj samtempe li fariĝis ĝia membro. Kiel studento de mezlernejo en Bratislava li ofte vizitadis kunvenojn de bratislavaj esperantistoj kaj ankaŭ diversajn E-kunvenojn kaj renkontiĝojn en Slovakio. Li fondis kaj prezidis E-lubon en Trnava kaj Martin.*

*En la jaro 1951 li partoprenis la Someran E-Lernejon en DOKSY en Ĉeĥio, kie li faris ekzamenon pri kapableco instrui Esperanton. En la jaroj 1967-1969 li laboris ankaŭ en la Konsilia Kolegio de la Kleriga Instituto en BRATISLAVA por la E-rondetoj kaj kluboj en Slovakio. Dum la jaroj 1975-1980 li estis membro de Okcidentslovakia Regiona Komitato de AE SSR (Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko). Post trijara paŭzo en la jaro 1983, kiam estis ŝanĝita la nomo de AE SSR je Slovakia E-Asocio (SEA) li denove laboris en la Komitato.*

*Okaze de la 9-a Asocia Kongreso en ŽILINA li estis honorigita per arĝenta insigno de la Asocio. En la jaro 1987 dum la 10-a Asocia Kongreso en NITRA li estis elektita kiel membro de la Centra Komitato. Okaze de la posta 11-a Asocia Kongreso en la jaro 1990 en POPRAD li estis elektita kiel membro de la Asocia Konsilantaro. Dum la 12-a Kongreso de la Asocio en la jaro 1993 en BRATISLAVA li estis elektita por prezidanto de la Asocio kaj prezidis al SEA ĝis la jaro 1994.*

*Li restis fidela al Esperanto ankaŭ post la disfalo de la Asocio kaj aktive helpis la starigon de SKEF. La Okcicentslovakian E-Societon (ESO) li gvidis kaj aktivis en la Konsilantaro de SKEF ĝis novembro 1999.*

*K` k`anqdl `m+oqdbhy`m+dhchmc`mr`l hcd`mmsq`dhr k`l nqsn*
*k` 12,`mcdl `in 1//0-*

laŭ ES 4/1993 kaj 2-3/2001 **Zlatica PÁLFYOVÁ**

## ESPERANTO ARKIVO

**Kiel eble multaj el vi scias, pasintjare ni komencis konstrui E-arkivon en vilaĝo PLEVNÍK, proksime de urbo POVAŽSKÁ BYSTRICA. La arkivo troviĝas en rekonstruita malnova dometo. Sub tegmenta spaco ni planas lokigi arkivon kaj malsupre troviĝos spaco por diversaj renkontiĝoj kaj turismaj aranĝoj. La domo povas servi por ni ĉiuj kiel centro de ripozo, kaj samtempe kiel centro de laboro por Esperanto. La vilaĝo PLEVNÍK troviĝas inter du proksimaj turismaj teritorioj – la *MANINA INTERKRUTAĴO* kaj la *SÚĹOV-ROKOJ* . Ambaŭ teritorioj taŭgas por piedpromenoj kaj ankaŭ por bicikloturistoj.**

***Ankoraŭ necesas fari multe da laboro ĝis ĉio estos finfarita, sed jam eblas en domo tranokti. Ĉiuj, kiuj sentas emon helpi, povas tion fari laŭ siaj ebloj. Ni invitas ĉiujn, kiuj volas viziti ĉi belan regionon kaj samtempe iom helpi ĉe finkonstruado de arkivo.***

Pli da detaloj vi povas akiri sur ĉi retadreso: <esperanto@bb.telecom.sk> aŭ telefonnumeroj 042/433 03 03, 0907/48 68 66.

**Ľubomír FAJTH**

## NOVÉ MESTO NAD VÁHOM KAJ ĈIRKAŬAĴO

**NOVÉ MESTO NAD VÁHOM situas je la dekstra bordo de nia plej longa rivero VÁH. De tie ankaŭ parto de ĝia nomo.**

**La urbajn privilegiojn ĝi ricevis en la jaro 1253, kiam reĝo Belo la kvara rekompencis la loĝantaron por fideleco kaj braveco dum invado de tataroj. Dum la jaroj la urbon posedis multaj regantoj kaj la ŝanĝoj pri la regado kaj bataloj ne bone influis la vivkondiĉojn de la loĝantaro. Tamen la situacio iomete stabiliĝis en la sesa jarcento. La urbanoj povis aranĝadi la foirojn kvar foje dum la jaro. Ankaŭ vinbredado ekfloris.**

**La loĝantaro dum mezepoko okupiĝis precipe per terkulturado kaj komercado. Iom post iom disvolviĝadis eĉ metiejoj.**

**Nuntempe la urbo fariĝis moderna kaj industria.**




Nové Mesto nad Váhom: La plej malnova simbolo de la urbo devenas el 16-a jarcento. Ĝi bildigas Virgulinon Maria kun infano kaj silueto de la preĝejo kun slovaka insigno.

**La rimarkindaj memoraĵoj estas precipe romkatolika preĝejo el 13-a jarcento. Ĝi estis ofte rekonstruata. La preĝejo havas valoran barokan interieron, signojn de malnova baziliko kaj spurojn de gotika stilo. Sur la ĉefa placo de la urbo troviĝas kelkaj renesancaj domoj. En unu el ili estas la Novurba muzeo.**

**Krome aliaj historiaj rememoraĵoj ankaŭ la ĉirkaŭaĵo de la urbo estas interesa. Proksime de ĝi troviĝas kasteloj BECKOV, ČACHTICE, ruinaĵo de la kastelo TEMATÍN kaj aliaj interesaj lokoj.**

**Kiu vizitis la urbon NOVÉ MESTO NAD VÁHOM somere , certe aŭdis pri ĝia refreŝiga centro ZELENÁ VODA (Verda akvo), kiu situas ĉe la rivero VÁH, direkte al BECKOV.**

**Ĝi servas kiel loko de ripozo, someraj amuzadoj kaj sportoj por la loĝantaro. Ofte oni povas ĉi tie renkonti vizitantojn el vasta ĉirkaŭaĵo. Sed certe multaj el ili ne scias, de kie tiu-ĉi lageto ricevis sian nomon…**

*La fabelo diras, ke antaŭlonge en pasinta tempo, la rivero VÁH ofte elbordiĝis. Sur la lokoj, kie troviĝas nun ZELENÁ VODA, fariĝis marĉoj, en kiuj elkreskis densaj kanoj. La kanoj estis bona hejmo por akva birdaro. Grandpotenculoj el proksima kastelo BECKOV okupis tiujn-ĉi lokojn por riĉa ĉasado. La plej fama ĉasisto estis sinjoro Alberto. Sed li estis konata kiel kruela kaj senkompata al la servutuloj. Foje li prizorgis por sia sporto novan verdan ĉasveston. Sur sia ŝipeto li direktis sin al la kanoj. Subite li rimarkis, ke sur la kontraŭa bordo ĝibigita maljunulo kaptas la fiŝojn. Tio tre kolerigis Alberton: kiel iu sen lia permeso povas kapti la fiŝojn en lia*

*ĉasdistrikto? Li tuj deŝiris el sia ŝultro la ĉaspafilon kaj senhezite ekpafis la maljunulon. Tiu dolore ekkriis kaj falis teren. La laŭta ekkrio forpelis la birdaron el la kanoj. Alberto, kiu staris en sia ŝipeto, balancis kaj falis en la akvon. Falante li ankoraŭ aŭdis, kiel lin la mortanta maljunulo malbenas. La grupo de Alberto rapidis helpi al dronanta sinjoro. En la akvo io verdiĝis. Bedaŭrinde tio estis nur la ĉapelo de Alberto. Serĉantoj de la dronita Alberto ekrimarkis, ke la akvo ŝanĝiĝas je la verda koloro. En ĝi Alberto en sia verda vestaĵo tute perdiĝis. La servutuloj de la kastelo longe evitadis la lokon. Oni diras, ke feo de Alberto serĉas sian trupon kaj li subakvigis ĉiujn, kiuj proksimiĝis al ĝi.*

**Hodiaŭ ni jam ne kredas superstiĉojn kaj la rekonstruita refreŝiga centro ĝojas je intereso de la vizitantoj el ĉiuj anguloj de Slovakio kaj ankaŭ de gastoj el fremdlando. Ĝi proponas al ĉiuj eblecojn naĝi, boati kaj apliki diversajn akvajn sportojn, inkluzive fiŝkaptadon. Krom tio eblas ĉi-tie loĝi en belaj komfortaj kabanoj.**

**Do certe estas inde viziti la urbon kaj trarigardi ĝiajn avantaĝojn.**

**MaTo**



## KARAJ GESAMIDEANOJ,

ne forgesu, ke en majo de tiu-ĉi jaro ni renkontiĝos dum la **Esperanta kongreso de SKEF** en **BREZOVÁ POD BRADLOM**. Tie ni resumos nian agadon dum la pasinta periodo. Samtempe ni elektos novajn prezidanton kaj aliajn estrararojn.

*Mi petas, pripensu la situacion. Certe ni ĉiuj volas, ke Esperanta movado ĉe ni prosperu. Nun, kiam malfermiĝas antaŭ ni la pordo en Eŭropon, nia lingvo povus akiri novan ŝancon. Dependas de ni, de ĉiu unuopulo, kiel ni utiligos ĝin.*

Antaŭ ĉio ni subtenu la agadon de niaj regionaj organizaĵoj. Ĉiu el ili organizas interesajn, edukajn kaj amuzigajn renkontiĝojn, ofte en bela, pitoreska parto de nia lando. Tiel ni havas ne nur agrablan senton el bele travivita semajnfino, sed ni povas ankaŭ plibonigi niajn lingvosciojn, firmigi amikecojn inter gesamideanoj, ekscii la novaĵojn, kaj simile. Ni devas konvinkiĝi, ke nia entuziasmo por nia lingvo kaj ideo estas ĉiam granda kaj aktuala, kaj ke Esperanto estas la lingvo, kiu meritas fariĝi la pontlingvo inter la eŭropaj nacioj.

*Estas nova jaro, novaj intencoj, novaj esperoj.*
*Ni laboru, ke ili efektiviĝos.*
*Multe da sano, sukcesoj kaj persisteco deziras al ĉiuj*

**Mária TOMAŠOVIČOVÁ**

## ESPERANTO PRO LA UNUA AMO

**Eble mirige, sed jes: la vojon al Esperanto montris al mi – la unua amo! Sekreta, platona kaj cetere neniam reciprokita amo al tre bela kaj inteligenta – dekjara samklasanino. Ŝia nomo estis Sonja kaj estis por mi tre agrable spiri la saman aeron kaj resti en ŝia proksimeco ankaŭ posttagmeze, en Esperanto-rondeto, kiun fondis kaj gvidis la vicdirektoro de nia baza lernejo kaj fervora esperantisto, sinjoro ŠPIGÚTH.**

**Forpasis jardekoj, pri la unua infana amo restis nur bela rememoro kaj la dekjara belulino delonge forlasis mian koron kaj ankaŭ Esperanton. „Mia unua amo“ tamen malfermis al mi pordon al nekonata, mirinda mondo – kaj certe lasis sur la sentema knaba animo agrablan rememoron: Esperanto kaj la unua granda amo...**

**La fervoro al Esperanto verŝajne estas infekta malsano (ĉu vere „malsano”? Ĉu ankaŭ „sano” povas esti infekta?)**

**Dum mia junula aĝo mi havis multajn geamikojn kaj multaj el ili montris sinceran intereson ekkoni la mondon „malantaŭ la verda pordo”. Mi do fariĝis kursgvidanto, klubestro, fondis kaj estris junularan sekcion de nia landa asocio, organizis klerigejon por junaj esperantistoj kaj internacian someran junularan E-lernejon, esperantistajn balojn kaj karnavalojn... Al mia E-kurso tiam aliĝis ankaŭ junaj muzikistoj, kiuj opiniis, ke Esperanto estas simila internacia lingvo kiel la muziko mem. Ni do kunigis la du ideojn, kaj la grupo „TEAMO“ la unuan fojon prezentis sin al la publiko dum Internacia Junulara Konferenco, kiun mi organizis en DOLNÝ KUBÍN (1981). La koncerton partoprenis ankaŭ Perla MARTINELLI**



*Survoje al Roterdamo*

**kaj Giorgio SILFER el la eldonejo LITERATURA FOIRO, kiuj poste eldonis parton de la koncerto sur *ESPERANTA SONGAZETO* (2/1983). Kiam la muzika grupo „TEAMO“ komencis profesian karieron, ĝi proponis al mi, ke mi estu ĝia manaĝero (impresario). Mi forlasis mian tiaman profesion (fakestro en paperindustria fabriko) kaj organizis la vivon de la grupo: koncertoj, radio, televido, ĵurnalistoj, miloj da fanoj. Dum dek jaroj ni faris pli ol mil koncertojn, eldonis milionon da diskoj kaj atingis pintan popularecon en la tiama Ĉeĥoslovakio: ekzemple en la plej prestiĝa ĉeĥoslovaka muzika enketo „Ora Najtingalo“ ĝi gajnis en tri sinsekvaj jaroj la unuan premion. La unuan diskon ni eldonis ankaŭ en Esperanto (*ORA TEAM,* LITERATURA FOIRO) kaj en la jaro 1989 la grupo faris turneon kun E-programo, koncertinte dum la 74-a Universala Kongreso de Esperanto en BRAJTONO (Britio), la 45-a Internacia Junulara Kongreso en KERKRADE (Nederlando) kaj la 62-a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda en ILLERTISSEN (Bavario, Germanio).**

**Ankoraŭ dum la junula aĝo mi aktive ekinteresiĝis pri Esperantaj gazetoj: unue verkante por ili artikolojn kaj lingvajn ludojn (krucenigmojn), poste mem redaktante ilin: *ESPERANTISTO SLOVAKA*, *ESPERANTISTA VEGETARANO*, *HEROLDO DE ESPERANTO* kaj nun – la revuo *ESPERANTO*. La Esperanta fajro, kiun bruligis mia unua amo, verŝajne ame brulos dum mia tuta vivo...**

Stano MARČEK

## STANO IMITINDAS

**La propagando de Esperanto kaj de nia movado ĝenerale ne apartenas al la fortaj flankoj de la esperantistaro. Ĉi-rilate ankaŭ ni ne estas esceptoj. Despli ĝojigas, kiam tamen aperas E-rilata artikolo, filmo, elsendo, ks., kiel laste en la tagĵurnalo *NOVÝ ŽIVOT TURCA*. La 16-an de decembro 2003 legeblis en ĝi tutpaĝa artikolo kun esperant-lingva titolo ‚El unu ĉambro, kiu estas ligita kun la tuta mondo‘. Ĵurnalisto Igor GABAJ prezentis en ĝi ne nur la multflankan Stano MARČEK, sed kadre de la intervjuo donis al la legantaro ankaŭ multajn gravajn informojn pri la tutmonda esperantistaro kaj ĝiaj klopodoj-atingoj.**

El unu ĉambro, kiu estas ligita kun la tuta mondo

Katarína BODNÁROVÁ

## KRISTNASKO 2003 KAJ AKTIVA INFORMADO

Ankoraŭfoje la katolikaj esperantistoj sukcesis informi la tutan katolikan mondon pri Esperanto kaj donis al ni ĉiuj tre belan ekzemplon de aktiva informado.

Laŭ la jam konata iniciato de Giovanni CONTI, dum la salutoj de la Papo en pluraj lingvoj, inkluzive de Esperanto, grupo de esperantistoj en la placo montris grandajn literojn, kiuj formis la vorton ESPERANTO.

La tuta ceremonio estis dissendita televide al multaj landoj de la mondo, kaj de tempo al tempo la televido montris la grupon. Dankon, katolikaj esperantistoj!

**Renato CORSETTI** <el interreto>

## DE KIAM LA PAPO SALUTAS ESPERANTISTOJN?

En la katolika mondo estas ĝenerale konate, ke la papo dum Kristnasko kaj Pasko, post solena diservo, donas benon *URBI ET ORBI* (Al la urbo kaj al la mondo). Ankaŭ televido kaj radio dissendas tion.




En la jaro 1994 mi spektis en TV ĉi tiun eksterordinaran okazintaĵon kaj tre interesigis min la fakto, ke la papo antaŭ beno *URBI ET ORBI* legis mallongajn salutojn al ĉiuj nacioj en 36 lingvoj. Post mallonga tempo mi cerbumis: Ĉu ne eblus, ke la papo inter salutoj tralegu ankaŭ saluton al esperantistoj? La ideo min instigis kaj mi tuj skribis al Vatikano al Lia Moŝto kardinalo TOMKO (slovako el orienta Slovakio) en tiu senco, ke en la mondo vivas pli ol 10 milionoj da esperantistoj, kaj por ili estus tre ĝojiga kaj instiga, se la papo ĉe tia okazo salutus ankaŭ esperantistojn.

Post mallonga tempo mi ricevis respondon de sinjoro kardinalo TOMKO kun danko por la propono, sed ankaŭ kun rimarko: „Necesas scii, ke la papo estas ne nur reprezentanto de la katolika eklezio, sed ankaŭ ĉefreprezentanto de la Vatikana ŝtato, kaj lia agado ĉe vizitoj, dum traktadoj kaj salutadoj estas direktata de diplomata protokolo." Plue li aldonis, ke mia propono estas pripensinda.

En julio aŭ en aŭgusto 1994 okazis en CZENSTOCHOWA (Pollando) la monda kongreso de katolika junularo. Mi eksciis pri tio el radioelsendo kaj tial mi per radio aŭskultis finiĝon de la kongreso. Kaj okazis granda surprizo! La papo Johano Paŭlo la dua inter multaj salutoj salutis ankaŭ esperantistojn – kompreneble en Esperanto.

Pasintjare dum la Paska dimanĉo, la 20-an de aprilo 2003, mi denove spektis la solenan diservon el Vatikano – kaj post ĝi la benon „Urbi et Orbi". Inter salutoj al ĉiuj nacioj ne mankis ankaŭ saluto al esperantistoj.

La komentisto menciis, ke la salutojn al la nacioj enkondukis la papo Pio la dek unua, kaj la papo Johano Paŭlo la dua salutas ankaŭ esperantistojn ek de la jaro 1994. Nun la salutoj de la papo sonis en 60 lingvoj. Mirinda ago!

**Bartolomej KOLIBÁR**

## HISTORIO DE BENO URBI ET ORBI (AL LA URBO KAJ AL LA MONDO)

**Dum la Pasko en la jaro 1933 okaze de la Jubilea jaro renovigis papo la pratempan kutimon gratifikadi el la *LOĜIO DE BENO* super la ĉefa enirejo de la Baziliko de S-ta Petro la benon *AL LA URBO KAJ AL LA MONDO*.**

**Beni la urbon ROMO kaj la mondon kutimis la papoj delonge, kvarfoje dum la jaro, el diversaj romaj bazilikoj: el la Baziliko de S-ta Petro dum la Verda Ĵaŭdo kaj Paska Dimanĉo, el la Laterana Baziliko okaze de la soleno de la Ĉielirado de la Sinjoro kaj el la Baziliko de s-ta Maria Maggiore okaze de festado de la Ĉielirado de la Virgulino Maria. Kiam en la jaro 1870 la religia ŝtato post la perforta okupado ĉesis sian ekzistadon kaj la papoj prezentis sin kiel la arestitoj en la propra domo, la benon ili jam gratifikis nur el eno de la vatikana Baziliko.**

**La absoluta novaĵo de la unua novepoka *URBI ET ORBI* estis la radio. La entuziasmon kaŭzis ne nur la fakto, ke la papon el la nealirebla balkono oni aŭdas tra la reproduktiloj sur la tuta placo, sed ankaŭ la konscio, ke la salutoj tra la atmosfero penetros evidente ankaŭ en ĉiujn forajn landpartojn.**

**Dek jarojn poste oni komentis *URBI ET ORBI* jam en ok lingvoj, inter kiuj ĝuste dum la Kristnaskfestoj 1943 estis prezentita ankaŭ la slovaklingva elsendo. Fine de la 40-aj jaroj de la pasinta jarcento la sono estis kompletigita per la bildo, kiam la mesaĝon de Pio la 12-a la unuan fojon elsendis la usona televido.**

**La unua parto de *URBI ET ORBI* tuj post la tonoj de la vatikana kaj itala himnoj komence estas la mesaĝo, en kiu la Sankta Patro meditas pri la sekreto de la naskiĝo de Jesuo kaj aktualigas ĝin en la cirkonstancan mondan okazon. Samtempe li ne prisilentigas la aktualegajn malfacilaĵojn de la unuopaj mondaj nacioj (en la jaro 1990 li protestis kontraŭ la milito en PERSUJA GOLFO, en la jaro 1995 li piloriis la indiferentecon de la internacia komunumo kontraŭ la sufero de la afrikaj enloĝantoj, al la paco en IRAKO li vokis en la jaro 2003 dum Pasko).**

**La universecon de la ceremonio de la beno *URBI ET ORBI* potencigas la dua parto de la beno - salutoj en la naciaj lingvoj.**

**Dum longa tempo komentariis la latinlingvan mesaĝon *URBI ET ORBI* en pluraj lingvoj nur la Vatikana Radio. Persone komencis la plurlingvajn salutojn prezenti nur Paŭlo la 6-a en simbolaj 12 lingvoj, kies nombro ŝanĝiĝis dum la Kristnaskfestoj 1978. Tiam sian unuan kristnaskfestan mesaĝon prezentis la novelktita papo Johano Paŭlo la 2-a. Li surprizis per deziroj en 25 lingvoj, kio tamen estis nur la enkonduko al ilia plua disvastiĝo ĝis la nuntempa nombro 60 (entute li do aldonis 37 lingvojn).**

**La jaro 1994 fariĝis memoriga por esperantistoj, kies "Dibenitan Kristnaskon" aŭdiĝis la unuan fojon. Ek de tiam ili regule videbliĝas sur la Placo de s-ta Petro per verd-blankaj literoj sur la transparento. Esperanto estas en la listo de la lingvoj la nura artefarita lingvo. La aliaj ligiĝas je konkretaj nacioj en la unuopaj mondpartoj. La salutojn ĉiam malfermas**

**itala lingvo, per kiu la papo salutas ankaŭ la lokajn reprezentantojn de la socia kaj politika vivoj. Post la plej disvastigitaj mondlingvoj (germana, angla, franca) sekvas pli ol dudeko da eŭropaj lingvoj, kie la slovaka eksonas regule inter la ĉeĥa kaj kroata bondeziroj. Post la cigana lingvo sekvas lingvoj de Malgranda Azio kaj inter ili mankas nek patrina lingvo de Jesuo - aramea lingvo. La afrikajn lingvojn reprezentas ekzemple la plej disvastigita svahila lingvo, inter la aziaj lingvoj la eŭropano facile identigas la ĉinan, japanan, koreian aŭ vjetnamian lingvojn. Malpli konataj estas la lingvoj de la hindia subkontinento: tamilia, malajzia, hinda, urda lingvoj. Vicon de ekzotikaj lingvoj finas la novzelandia maoria kaj samoa linvoj el la grupo de la polineziaj. Post Esperanto sekvas la plej enhava saluto de la papo pole, post kiu li prezentas latinan bondeziron.**

**La benojn dum la lastaj jaroj elsendas 80 televid-kompanioj en pli ol 50 landojn.**

***Urbi et orbi*** **pintas per gratifiko de la beno kun plenaj indulgencoj. Jam en la jaro 1939 Vatikano leĝe konfirmis, ke la anima frukto de la papa beno rilatas ankaŭ la aŭskultantojn de la radio, pli poste de la televido. La benon mem antaŭas la preĝo, kiun la aŭskultantoj respondas per triobla "amen": per la unua post la preĝo pri la propeto de la apostoloj Petro kaj Paŭlo, per la dua finiĝas la peto pri Dia kompato, pardono de pekoj kaj eterna vivo propete de Virgulino Maria, arkanĝelo Mikaelo, Johano Baptisto kaj ĉiuj sanktuloj, per la tria kompletiĝas la preĝo por vera pentofarado, pentanta koro, graco de S-ta Spirito kaj la persistemo ĝis la fino. La spiritan punkton post ĉio donas la benanta gesto de la romia episkopo en la nomo de la Patro kaj la Filo kaj la Sankta Spirito.**




*Ankaŭ dum la pasintjara Pasko*
*en la Placo de S-ta Petro, meze de la pilgrimuloj, ĉeestis esperantistoj*
*por omaĝi al la Papo kaj por danki lin pro la esperantlingva bondeziro*

**Jozef HAĽKO**, *KATOLÍCKE NOVINY* 51/2003, mallongigita;
Esperantigis: **M. FEIFIČOVÁ**

## PATRO NIA

Patro nia kiu estas en la ĉielo.
Via nomo estu sanktigita.
Venu via regno, plenumiĝu Via volo,
kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la Tero.
Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ.
Kaj pardonu al ni niajn ŝuldojn,
kiel ankaŭ ni pardonas al niaj ŝuldantoj.
Kaj ne konduku nin en tenton,
sed liberigu nin de la malbono.

## SALUTON MARIA

Saluton Maria gracoplena
La sinjoro estas kun vi.
Benata Vi estas inter la virinoj,
Kaj benata estas la frukto
De via sino, Jesuo.
Sankta Maria, Dipatrino,
Preĝu por ni, pekantoj,
Nun, kaj en la horo de nia morto.
Amen!

## FRATA PREĜO

Frato nia, kiu estas sur la Tero,

Sanktigata estu via bonvolemo koncerne al la Senfina Bono.

Laboru senĉese por la Dia Regno por via spontana kunlaboro.

Realiĝu via alta aspiro post la forgeso pri ĉiuj malsuperaj kapricoj, kiel en la karna hejmo, tiel ankaŭ en la Templo de la Universo.

Nian ĉiutagan panon, kiu venas el la ĉiela provizejo, uzu respektoplene kaj sankte dividu.

Pardonu niajn erarojn kontraŭ vi, kiel la Eterna Patro estas pardoninta niajn komunajn ŝuldojn.

Ne permesu, ke via vivo perdiĝu pro la tento de la malbonaj pensoj.

Liberigu vin de la malbono naskiĝinta el via koro.

Ĉar al vi apartenas, nun, la glora ŝanco altiĝi al la Regno de la potenco, justeco, paco, gloro kaj amo.

Por ĉiam.

## IOM PRI "PATRO NIA

### *Enkonduko*

**Patro Nia estas la plej grava el ĉiuj kristanaj dokumentoj. Ĝi estis zorge, simple, klare kaj kompakte ellaborita de Jesuo, por tre klaraj kaj difinitaj celoj. Tial el ĉiuj Liaj instruoj, tiu ĉi preĝo estas la plej konata kaj la plej ofte citata.**

**Ju pli ni analizas "Patron Nian", des pli mireginda ŝajnas ĝia strukturo. Ĝi resumas ĉion, kio estas nepre necesa al la disvolviĝo de nia materia kaj spirita vivo, kaj ankaŭ ĉion, kion la homoj bezonas rilate al Dio, al la proksimulo, kaj al si mem.**

**Jesuo antaŭvidis, ke laŭmezure kiel la jarcentoj forpasos, liaj instruoj estos iom post iom plivastigitaj per ĉiu speco de eksteraj intervenoj, kiuj vere neniom simila estos kun la originala spirito. Li sciis, ke la homoj, kiuj neniam Lin konis, tiuj konstruos teologiajn kaj doktrinajn sistemojn, kiuj nebuligos la simplecon de la spirita mesaĝo, kaj ankaŭ, ke ili starigos muregon inter Dio kaj la homoj. Li ellaboris sian preĝon tiamaniere, ke ĝi trapasos la jarcentojn, sen ia ajn interveno, aliformiĝo aŭ ĝustigo al**

homaj sistemoj, tiel ke ĝi enhavos la tutan mesaĝon de Kristo. Sekve, tra ĉiuj ŝanĝoj de la kristana historio, tiu ĉi preĝo senmakule atingis nian epokon.

### *Patro Nia kiu estas en la ĉielo*

Ĉe la unua frazo de la preĝo, oni rimarkas ja grandan instruon: Patro Nia. Ĝi ne komencas singulare per "Mia Patro", sed plurale, per Patro Nia, kio bone klarigas, ke Dio estas Patro de la granda homa familio. Estas filoj de Dio ĉiuj estuloj ekzistantaj en la tuta mondo, el ĉiuj rasoj kaj nacioj, el ĉiuj popoloj kaj haŭtkoloroj, kaj ankaŭ el ĉiuj kredoj.



Dio estas Patro de bonuloj kaj malbonuloj, de justuloj kaj pekuloj, sur kiujn Li disverŝas senescepte Siajn benon kaj protekton.

Dio estas Patro de ĉiuj sociaj rangoj, de riĉuloj kaj malriĉuloj, de kleruloj kaj malkleruloj, de potenculoj kaj humiluloj.

Dio estas tutsame Patro de la diversaj religioj, ĉar estas Liaj filoj la anoj de la katolika, protestanta, spiritisma, budhisma, islama, hebrea kaj ceteraj religioj, kaj eĉ la ateistoj, kiuj ne kredas je Li.

El tiu Dia Patreco nepre sekvas la universala homa frateco. Ĉiuj estas filoj de Dio, ĉiuj estas fratoj, ĉar Dio amas same kaj senescepte ĉiujn. Tio ĉi okazas, ĉar Dio estas super ĉiuj disputoj, super ĉiuj ĵaluzoj kaj konkuradoj, super ĉiuj kvereloj, militoj, bataloj, kaj ankaŭ super ĉiuj homaj religioj.

En ĉefaj trajtoj, tiu estas nia Patro, Kiu estas en la ĉielo kaj ĉie.

## *Via nomo estu sanktigita*

**En la Biblio, la nomo rilatas la naturon aŭ la esencan karakteron pri iu aŭ io, sekve, kiam oni parolas pri la nomo de Dio, oni parolas pri tio, kia estas Lia naturo, kaj Lia nomo, laŭ Jesuo, estas sanktigita. Kion signifas sanktigita? Serĉante la vortdevenon, ni rimarkas, ke ĝi devenas el Sankta, kio signifas, ke la naturo de Dio ne nur estas inda je nia respektego, sed ankaŭ ĝi estas kompleta kaj perfekta. Sankteco estas foresto de tuta malbono kaj ĉeesto de tuta bono. Dio estas Sankta, senfine perfekta, kaj kiam oni deziras, ke Lia nomo estu sanktigita, oni deziras, ke Lia sankteco estu konata de ĉiuj homoj, kaj ke la homaro laŭdu Lian sanktecon.**

## *Venu Via Regno*

**En tiu ĉi parto de la preĝo, ni petas, ke la Regno de Dio venu al ni. Sed kiam tiu Regno de Dio stariĝos inter ni? Tiu estas dubo, kiun ni havas. Kiam alvenos tiu Regno de Dio?**

**Nia mondo estas plenplena je problemoj, militoj, suferoj, mizeroj, malpacoj, ktp. Ŝajnas, ke ĝi plimalboniĝas ĉiutage. Kaj la Regno de Dio - Regno de Amo kaj Paco - kiu estos la solvo, kiam ĝi alvenos?**

**Nu! Tiun saman dubon havis la disĉiploj de Jesuo, kiuj foje demandis Lin pri tio, kaj Li, per Sia speciala trankvileco kaj aŭtoritato respondis al ili, dirante: "La Regno de Dio ne venos kun observado, kaj oni ne diros: Jen ĉi tie, aŭ: Jen tie", ĉar jen la Regno de Dio estas inter vi" (Lk 17, 20-21). Tiu Regno estas Jesuo mem, kiu venis por instrui al ni la vojon al Dio.**

**Kion do fari? Estas necese malkaŝi tion, kaj klopodi por disvolvi nian Internan Kriston, konformigante nian vivmanieron tiel, kiel la sublima idealo, kiu estas plenumi la Dian Volon, alivorte, praktiki la Evangelion. Tiu devas ĉiam esti la plej grava celo de nia ekzistado: venki niajn neperfektaĵojn, kaj antaŭeniri celante la perfektiĝon. Se ĉiu homo pliboniĝos iomete, la tuta mondo pliboniĝos. Cetere, tiel diris la nobla Mahatmo Gandhi: "Se ununura homo atingos la plenamon, li neŭtraligos la malamon de milionoj da homoj."**

## *Plenumiĝu Via volo, kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la Tero*

**Por ke ni komprenu la frazon: "Plenumiĝu Via volo", ni memorigu, ke Dio donas liberecon al ni, kaj pro tio, ni faras ĉion, kion ni volas. Tamen, ni multfoje misuzas nian liberecon. Ni pensas kaj agas erare, kio okazigas ĉiujn niajn problemojn, ĉar kontraŭagante la Dian Volon, ni agas kontraŭ ni mem.**

**Kiaj ajn estu niaj agoj kaj pensoj, rilate al nia ĉiutaga laboro, al niaj familiaj devoj, al niaj amikecoj, al projektoj, kiujn ni ellaboras por uzi nian tempon; fine, en la plej diversaj okazaĵoj, en la plej diversaj medioj, ni vidu kaj agu ne laŭ nia volo, sed laŭ la Dia volo; alivorte, ni vidu kaj**

**agu laŭ la Evangelio. Tiel agante, ni estos survoje al Kristo, al la feliĉo kaj al la paco.**

**La vivo de Jesuo sur la Tero estis senĉesa ekzemplo, kiel plenumi la Patran Volon. Unu okazaĵo de tiu vivo, laŭ la Evangelio, estis Lia dialogo kun la Samarianino: Tiam la disĉiploj foriris en la urbon por aĉeti nutraĵojn; ĉe la reveno, ili petis de Li, dirante: Rabeno, manĝu! Sed Li diris al ili: "Por manĝi mi havas nutraĵon, pri kiu vi ne scias. Mia nutraĵo estas plenumi la Volon de Tiu, kiu Min sendis, kaj fini Lian laboron" (Jo, 4.7). Notu bone: Lia nutraĵo estas plenumi la Volon de la Patro kaj fini Lian laboron.**



**Plia okazaĵo, ankoraŭ rilate la "Volon de Dio", estas la preĝo de Jesuo, ĉe la loko nomata Getsemano. Li preĝas, dirante: "Ho! mia Patro, se povas esti, ĉi tiu kaliko pasu for de mi; tamen, ne kiel mi volas, sed kiel Vi volas" (Mt 26,39).**

**Jesuo elmontras submetiĝon al la ĉiela Patro, obeemon al Dio, kiu senfine scipovas multe pli ol la homoj. Oni povas diri alivorte: Nia volo estas nia por libere fari el ĝi Lian volon.**

## *Panon nian ĉiutagan donu al ni hodiaŭ*

**Kiam oni parolas pri Pano nia ĉiutaga, oni ekpensas unuavide pri la ĉiutaga nutraĵo. Tamen, en la Evangelia senco, la signifo de la vorto pano, tiel ofte uzata, estas multe pli ampleksa. Ĝi entenas ne nur la ĉiutagan necesan nutraĵon, sed ankaŭ: la vestojn kiujn ni bezonas por la korpo, domon por loĝi, dignan laboron, sanon, studkondiĉojn; resume, ĉiajn porvivaĵojn, kiajn oni bezonas al nia materia ekzistado.**

**Tamen, estas tre grave memorigi la jenajn vortojn de Jesuo: "Ne per la pano sole vivas homo, sed per ĉiu vorto, kiu eliras el Dio" (Mt 4,4). Tial, "Pano nia ĉiutaga" ankaŭ rilatas ĉion, kio estu nepre necesa al la disvolviĝo kaj perfektiĝo de nia spirita konscienco.**

## *Pardonu al ni ofendojn niajn, kiel ankaŭ ni pardonas al ofendintoj niaj*

**Dirinte tion, kio Dio estas, kio la homo estas, kiel ni devas plenumi nian mision, kia estas nia vera nutraĵo, kaj kiel ni povas ekhavi ĝin, Jesuo parolas pri pardono de la ofendoj, de la pekoj.**

**Unue, oni devas diri tion, kio estas la peko. Kvankam ĝi ŝajnas esti ekstermoda en la hodiaŭa mondo, ia praafero, la peko estas numtempa,**

**kiel ĝi ĉiam estis. Peko signifas niajn erarojn, preterlasojn, niajn maljustaĵojn kontraŭ la proksimulo kaj kontraŭ Dio. Alivorte, la peko estas disiĝo, foriĝo el Dio. La plej granda tragedio, kiun oni povas sperti, estas ĝuste tiu foriĝo el Dio. Kiam Jesuo donis Patron Nian al ni, Li metis nin kvazaŭ inter martelon kaj amboson. Kial inter martelo kaj amboso? Ĝuste ĉar en la preĝo Li diras: "Pardonu al ni ofendojn niajn, kiel ankaŭ ni pardonas al ofendintoj niaj." Notu bone: "kiel ankaŭ". Tial, nia propra pardono dependas de nia pardono al la aliuloj, eĉ kiam ni estis profunde ofenditaj.**

**Ni bone scias, ke multfoje la pardono estas malfacila, tre malfacila; sed se ni volos esti pardonataj de niaj eraroj, se ni volos trafi tiun perfektiĝon, kiun Kristo instruis al ni: "Estu perfektaj kiel ankaŭ via ĉiela Patro estas perfekta" (Mt 5,48), ni devas agi tiele; Ni ne estis kreitaj de Dio por resti starantaj flanke de la vojo. Ni estis kreitaj de Dio por sekvi la vojon al perfektiĝo, kaj la pardono estas fundamenta parto de tiu vojo. Ju pli ni postulos el ni mem, des pli multe ni havos por doni.**

## *Kaj ne konduku nin en tenton, sed liberigu nin de la malbono*

**Tiu ĉi lasta kondiĉo de la preĝo Patro Nia estas la helpopeto, kiun ni faras, kiam la vivo provas nin. Oni bone scias, ke ĉiu homo estas erarema; kiam oni eraras, oni lernas, sed restadi en eraro estas stultaĵo, ĉar tio sklavigas nin al la fuŝkutimoj. Kaj tial, ne estas la eraroj, kiuj sendignigas, sed la submetiĝo al ilia regado. Kio malutilas nian indecon estas fali en tenton, ĉar la malbono ne estas en la tento, sed en la falo.Tial ni petas fortojn al Jesuo, por rezisti al la tentoj, ĉar estas batalante kontraŭ ilin, ke perfektiĝas viroj kaj virinoj.**

**Ankoraŭ rilate al tentoj, ni pensas, ke nia ŝarĝo estas pli peza ol alies ŝarĝo, ke nia kruco estas pli granda ol alies kruco. Tio ne estas vera. Dio neniam donas ŝarĝon pli grandan ol tiu, kiun ni povas elteni.**

**Pere de Dia helpo, ni povas venki la mondon, tiel, kiel Jesuo venkis ĝin.**

## *Konkludo*

**En ĉefaj trajtoj, tiu ĉi estas la preĝo Patro Nia; la superbela preĝo, kiun Kristo instruis al la homaro. Nia kara majstro Zamenhof scipovis la Internan Ideon de tiu ĉi preĝo, sekve li enmetis Patron Nian en sian "Unuan Libron de Esperanto", publikigitan en 1887.**

**Forpasis la jarcentoj kaj la preĝo restadas tiel, kiel lumturo orientanta la barkon de nia ekzistado rekte al perfektiĝo. Forpasis kaj forpasos la jarcentoj, sed la vortoj de Patro Nia, kiuj estas vortoj de Jesuo Kristo, neniam forpasos. La vortoj de Kristo restados ĝis la finfino de la Tempo, ĉar ili estas Dia Verko, kaj kiel Dia Verko, ili estas eternaj.**

Tiu ĉi artikolo estis verkita en 1987, kaj publikigita de ***ALMANAKO LORENZ* 1988**
(Spirita Eldona Societo F. V. LORENZ) kaj de **revuo *ESPERO KATOLIKA***
(Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista), n-roj 7-8-9/1988, ĝuste je la Centjariĝo de Esperanto.

## PREĜO EN LA KOMENCO DE LA LECIONOJ

**Ni petegas al Vi, Sinjoro, Dio Ĉiopova: helpu nin kaj donu al ni la lumon necesan por distingi la veron de la trompo. Permesu ke Viaj senditoj, kiuj bonvoleme venas helpi nin, deturnu de ni ĉian penson pri egoismo, fiero, envio kaj ĵaluzo. Inspiru al ni bonvolemon por niaj similuloj. Ni petas speciale al la Spirito de D-ro Zamenhof, nia kara Majstro, ke li helpu kaj prigardu nin. Ni petas ankaŭ al nia Gardanĝelo la bonajn influojn, lian intervenon apud Dio kaj lian protekton por nia leciono.**



## PREĜO EN LA FINO DE LA LECIONOJ

**Ni dankas la bonajn senditojn de Dio kiuj bonvole venis partopreni en nia leciono. Ni petegas ke ili helpu nin praktiki la instruojn donitajn , kaj permesu ke, elirante el ĉi tie, ĉiu el ni sentu sin fortigita por la praktikado de la bono kaj de amo kaj karitato al la proksimulo, inter ili, al niaj familianoj. Ni petegas Vin, Sinjoro Dio, Vian favorkorecon al la suferantaj personoj kiuj ĉeestas en la hospitaloj, kaj al ĉiuj kiuj perdis la esperon kaj la fidon. Ni petegas por la landoj kiuj militas; por la maljunuloj; por la orfoj; por nia lando - Brazilo - patrujo de la evangelio - koro de la mondo. Ni petegas Vian protekton por ĉiuj kiuj havas malfacilecon en la vivo.**

**Permesu Sinjoro ke ni povu mem grandiĝi morale kaj ĉiam labori por nia propra pliboniĝo. Donu al ni forton en la provoj de la vivo kaj la amon kiu konsolas. Donu al ni kuraĝon kaj rezignacion; inspiru al ni ĉion bonan kaj deturnu nin de la deklivo de la malbono. Dio Ĉiopova, ke via dolĉa influo penetru nian animon. Tiel estu!**

## PSALMO DE DAVID

*La Eternulo estas mia paŝtisto; mi mankon ne havos.*
*Sur verdaj herbejoj Li ripozigas min.*
*Apud trankvilaj akvoj Li kondukas min.*
*Li kvietigas mian animon.*
*Li kondukas min laŭ vojo de la vero, pro Sia nomo.*
*Eĉ kiam mi iros tra valo de densa mallumo, mi ne timos malbonon, ĉar Vi estas kun mi.*
*Via bastono kaj apogiĝilo trankviligos min.*
*Vi kovras por mi tablon antaŭ miaj malamikoj.*
*Vi ŝmiris per oleo mian kapon.*
*Mia pokalo estas plenigita.*
*Nur bono kaj favoro sekvos min en la daŭro de mia tuta vivo.*
*Kaj mi restos en la domo de la Eternulo eterne.*

## 26-AN DE JANUARO

En ĉi tiu tago de 1945 la sovetia armeo atingis AUSCHWITZ, kaj la hororo de la ekstermejo definitive malsekretiĝis.

Tial la 26-a de januaro estis elektita kiel Rememora Tago: en Eŭropo kaj aliaj kontinentoj ni rememoras la milionojn da judoj, ciganoj, disidentoj, samseksemuloj kaj tiel plu, murditajn en la dua mondmilito.

En la ‚kaj tiel plu' troviĝas malpli gravaj popoloj aŭ persekutitoj, kiuj tamen ne malpli suferis. Foje ilia genocido estis proporcie pli granda ol tiu de judoj aŭ ciganoj. Ni pensu ekzemple pri la livona popolo: el 40 000 pretervivis nur milo.

En la ‚kaj tiel plu' troviĝas ankaŭ nia esperanta popoleto. Ni neniam scios precize, kiom da E-istoj pereis en ekstermejo. Ili registriĝis kiel judoj, aŭ komunistoj, aŭ alio. Ĉiu Zamenhof-ido estas alkalkulita kiel hebreo. Sed ili ĉiuj estis ankaŭ polaj ŝtatanoj; kaj E-lingvanoj.

Fine de la vizita itinero en la ekstermejo de Madjanek situas arbareto el nigraj krucoj. Ili estas malaltaj kaj larĝaj, kaj sur ĉiu estas skribita la nomo de popolo, kiu estas ankaŭ idiomo. Mankas la nia: Esperanto.

Se ĝi estus, ni rememorus, ke la unuaj viktimoj de la ekstermado estis germanaj ŝtatanoj. Ĉar E-istoj estis inter la unuaj persekutatoj en Germanio. Nia eta kruco vere ampleksus la tutan Eŭropon.

Se ŝi ankoraŭ vivus, la 26-an de januaro 1945 Lidja ZAMENHOF estus preskaŭ 41-jara: nur tri tagojn poste ŝi festus sian datrevenon.

Ni perdis Lidjan ZAMENHOF dufoje. Ni perdis ĉiujn niajn samlingvanojn dufoje. Ĉar ili mortis, kaj ĉar oni ne memoras ilin kiel E-istojn.

Tial la Rememora Tago akiras apartan signifon almenaŭ por la raŭmistoj, nome por tiuj, kiuj sentas E-on ankaŭ identigilo.

Mi esperas, ke iam la Esperanta Civito estos sufiĉe forta por postuli de la tuta mondo la respekton por niaj viktimoj, por tiuj, kiuj perdis la liberon kaj la vivon, ĉar esperantistoj.

**Giorgio SILFER, Esperanta Civito**
<civito@esperantio.net>

## JE LA 23-A DE MAJO LA MONDO HALTOS POR PREĜI POR PACO, DANK' AL ESPERANTO

Je la 24-a de januaro 2002, en la bela urbeto de Asizo, Italio, granda evento okazis pro la monda paco. Temis pri ekumena evento, kie la papo Johano Paŭlo la dua invitis pli ol 200 religiajn gvidantojn preĝi por la monda paco. Tiu evento montris, ke eblas al la homaro respekti la diversecojn inter la popoloj kaj kune starigi momenton, por ke ĉia deziro por la paco iĝu realo. Inspirate de tiu admirinda okazaĵo grupo de esperantistoj apartenantaj al malsamaj religioj, kun koro plena je espero, invitas Esperantion, kaj la tutan mondon, ĉiu laŭ sia propra maniero, laŭ sia religio, laŭ sia lingvo eĉ, kune preĝi por paco, la 23-an de majo 2004, je la 14-a ptm UTC, tiel ke dum kelkaj minutoj, centmiloj da koroj unuvoĉe pledu por pli paca mondo.



Tiu ĉi estas senprecedenca evento en Esperantio, kaj ni ĉiuj, parolantoj de la lingvo iniciatita de D-ro ZAMENHOF, kiu ĝuste kreis ĝin por la paco inter la homoj per la uzado de lingvo neŭtrala, povos doni nian kontribuon al la ideo por pli paca mondo, per nia lingvo kaj, ĉefe, respektante la diversecojn de religioj, popoloj, haŭtkoloroj, lingvoj ktp. Ni firme kredas, ke tio, kion diris pluraj religiaj gvidantoj ĉe ekumena evento en la itala urbo Asizo, en 2002, estas daŭre valida – „La hodiaŭa mondo bezonas manifestaciojn por paco kaj frateco“. Ni konscias, ke Monda Preĝo por Paco estos unu el la multaj manifestacioj por paco, kiuj okazas en la mondo. Nia mesaĝo tamen sonu internacie, nun de loko flugu espero al loko, de lando al lando, de homo al homo, tiel, ke je la 23-a de majo, dum kelkaj minutoj, la homaro povu senti, ke paco eblas inter ni.

*Oni povas trovi pliajn detalojn pri Monda Preĝo por Paco ĉe la paĝaro de la evento: <ĝangalo.com/ekumena>. Se vi volas kontribui al la evento, tradukante la bazajn tesktojn de Monda Preĝo por Paco en vian lingvon, aŭ diskonigante la eventon en vian urbon, regionon, landon, aŭ religian grupon, bv. kontakti nin - <ekumena@gxangalo.com>*
*de Ĝangalo-redakcio, por pli bona mondo.*

**<http://gxangalo.com>**

**Karaj gelegantoj, la redakcio deziras al vi benitajn paskajn festojn.**
**FELIĈAN PASKON EN KRISTO RESUREKTINTA!**

## NOVAĴOJ DE ELDONEJO ESPERO

*La nova eldonejo ESPERO, pri kies fondo vi povis legi en ES 3/2003, jam ekagis. Peter BALÁŽ, la novbakita eldonisto, aperigis en oktobro 2003 la slovaklingvan: „Všetko o meditácii“ (aŭtoro Marian REPKA) kaj ĵus pretigis du ĉeĥlingvajn verkojn de la sama aŭtoro: „Vše o meditaci“ kaj „Nejsme bezmocní“.*

*La unua Esperantlingva eldonaĵo de ESPERO estas slovaka-esperanta libro ankaŭ de M. REPKA: „Nie sme bezmocní“ - „Ni ne estas senpovaj“ aperis meze de decembro 2003 kaj estis prezentita dum IS - Internacia Seminario en Germanio 27. 12. 2003 - 3. 1. 2004.*

## MARIAN REPKA: „NIE SME BEZMOCNÍ – NI NE ESTAS SENPOVAJ“

E-traduko: Pavol PETRÍK kaj Martin MINICH. 144 paĝoj de A5, prezo: 160,- Sk. La libron distribuas: Eugenika (eugenika@eugenika.sk ) kaj Modul (okata@modul.sk )




Je slovaka merkato aperis interesa libro de slovaka verkisto Marian REPKA: „Nie sme bezmocní – Ni ne estas senpovaj“ - en dulingva, slovaka-esperanta eldono. Tial ĝi (krom la enhavo mem) taŭgas ankaŭ kiel bona instruilo (se vi ne komprenas E-an tekston, vi simple rigardos apudan, dekstran paĝon, kie vi trovos samon – slovakan (sennecese serĉi en vortaroj). La libro priskribas tre „tiklan“ temon, nome atingon de tutmonda paco. La aŭtoro esprimiĝas al temo tre interese, kelkfoje eble eĉ surprize. Sed por pli bona imago legu fragmenton de la libro (p. 122 k. 124):

„Resumo: Ni ankoraŭfoje resumu, jam lastfoje, kvin paŝojn subtenantajn pacon:

La unua paŝo subtenanta pacon: lerni la internacian lingvon - Esperanton.

La dua paŝo subtenanta pacon: ĉesi dividi homojn laŭ nacieco.

La tria paŝo subtenanta pacon: ĉesi dividi homojn laŭ raso.

La kvara paŝo subtenanta pacon: rezigni pri ĉiuj ideologioj.

La kvina paŝo subtenanta pacon: trovi tempon por meditado.

Ĉe la unua paŝo al paco ni havas du eblecojn. Aŭ ni eklernos Esperanton aŭ almenaŭ ni subtenos ĉiujn, kiuj lernas Esperanton. La plej efika subteno estas financa subteno. Esperantistoj estas tre modestaj homoj. Ili antaŭkuris sian epokon, ili komprenis tion, kion aliaj ankoraŭ ne komprenis. Ili mem financas sian edukadon, eldonadon de libroj kaj gazetoj, studadon. Kutime ili instruas senpage. Oni ne perlaboras monon instruante Esperanton. Mi konas la situacion inter esperantistoj. Financoj ebligus al ili, ke ili igu sin pli videblaj.

Kontaktajn adresojn de esperantistoj sur la teritorio de la Slovaka respubliko mi jam prezentis. Kiu interesiĝas, tiu facile ekscios aliajn necesajn informojn, se ŝ/li decidos subteni pacon per la subteno al esperantistoj. Mi scias, ke ĉiu krono subtenos kaj kuraĝigos ilin. Kaj por tiu, kiu sendos ĝin, tio estos vere konkreta ago subtenanta pacon. Institucioj, entreprenoj kaj entreprenistoj povas sponzori esperantistojn en sia ĉirkaŭaĵo. Amaskomunikiloj povas doni spacon al esperantistoj, por ke ili aperu en radio kaj televido. Ĉiu, kiu volas vere subteni pacon, tiu povas elekti. Tiu, kiu volas subteni militon, tiu ne devas elekti ion. Milito sin subtenas per si mem. Sufiĉas se ni faras nenion tian, kio subtenas pacon.

Ĉe la dua paŝo ni subtenas pacon, kiam ni kondutas al homoj kiel al homoj kaj ne kiel al anoj de iu nacio. Ĉiu, kiu subtenas naciece fokusiĝantajn partiojn, subtenas militon. Do ŝ/li denove povas elekti.

Ĉe la tria paŝo ni subtenas pacon ĉiam, kiam ni kondutas al homoj kiel al homoj kaj ne kiel al anoj de iu raso. Ĉiu, kiu subtenas rasismon, tiu subtenas militon.

Subteni la kvaran paŝon al paco ne estas malfacile. Ĉiu faru tion sur sia nivelo kaj laŭ siaj ebloj. Kaj ĉiu havas eblojn. Kiu subtenas religiajn diferencojn, tiu subtenas militon; kiu subtenas religie fokusiĝantajn partiojn, tiu subtenas militon; kiu subtenas dekstrumajn aŭ maldekstrumajn partiojn, tiu ankaŭ subtenas militon. Ĉiu, kiu subtenas iun ajn ideologion, tiu subtenas militon. Ĉiu, kiu aliĝas al iu ajn spirita movado, tiu subtenas militon. Ĉiu, kiu agnoskas iun ajn aŭtoritaton, ĉu sekularan aŭ spiritan, tiu same subtenas militon. Ĉiu, kiu volas akiri kiujn ajn sekularajn aŭ spiritajn avantaĝojn, tiu subtenas militon. Sen meditado ne eblas ne subteni militon en la kvara paŝo al paco. Tial tiu, kiu ne strebas aŭ ne havas forton mediti, almenaŭ devus subteni tiujn, kiuj strebas mediti. Tamen, ĉar ekzistas ne nur meditadoj, kiuj kondukas al paco, sed ankaŭ meditadoj, kiuj kondukas al milito, risko, ke nemeditanta persono subtenos tiujn meditantojn, kies meditadoj kondukas al milito, estas tro granda. Tial plej bone en la kazo de necerteco estas ne subteni tiujn, kiuj meditas. Estas malpli granda malbono subteni neniun ol subteni militon. Tiukaze estas multe pli saĝe subteni simple Esperanton kaj laŭ siaj ebloj eviti naciecan kaj rasan dividadojn.

Mi ripetas tion, kion mi jam skribis: Se ĉiuj homoj alproprigus almenaŭ la unuan paŝon, la situacio en la mondo signife ŝanĝiĝus favore al paco. Kaj se homoj aldonus al tio pliajn du paŝojn, la minaco de milito preskaŭ malaperus. La konfliktoj restus, sed ili ĉiuj povus esti plejmultgrade solvitaj pervorte. La grandaj militoj eble ne plu aperadus, sed malpacoj kaj malgrandaj militoj ankoraŭ daŭriĝus. Forigi ĉiujn malpacojn kaj ankaŭ malgrandajn militojn eblos nur tiam, kiam la homaro superpaŝos la kritikan (sojlan) nombron de tiuj, kiuj atingis saĝecon, do la staton sen konceptoj. Tiuj homoj poste ne nur inspiros, sed ankaŭ efike helpos al ĉiuj aliaj homoj al tio, ke ankaŭ ili atingu saĝecon. Saĝeco estas io, kion oni ne povas atingi perforte, sed nur per kompreno. Sen ĝi tamen neniu politika sistemo, nek iu religio nek iu alia pensebla organizo povas forigi militojn.“

PS: Ankaŭ dank´al tiu ĉi libro gejunuloj (SKEJ) revivis – ĝia prezidanto (Peter BALÁŽ) konatiĝis kun E-o pere de tiu ĉi libro – en unua eldono ĝi aperis slovake en 1999. (Kaj kiel dankesprimo li fondis eldonejon ESPERO – <www.espero.sk> kaj eldonis la libron dulingve.)

**Peter BALÁŽ**

*Revuo fondita en 1903, estas la oficiala organo de IKUE. Okaze de sia centjariĝo kaj de la 25-a datreveno de la papado de Johano Paŭlo la dua, la revuo aperis kun ege riĉa, bela enhavo. Interalie estis en ĝi raporto pri la IKUE (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) - balotoj en Rimini (Italio), la 4-an de septembro 2003. Kun 297 voĉoj la nova prezidanto de IKUE elektiĝis Miroslav ŠVÁČEK. Unu el la membroj de la balota komisiono estis* ***Pavol PETRÍK.*** *Ni konatiĝu kun ĉi-juna slovako pere de lia sinprezento.*




## „ESPERANTO ENORME PLIRIĈIGIS MIAN VIVON"

Mi estas Pavol PETRÍK el PEČOVSKÁ NOVÁ VES, malgranda vilaĝo apud PREŠOV. Mi naskiĝis en aprilo de 1973. La lingvoj estas por mi ege gravaj ĝenerale. De tempo al tempo mi tradukas el la angla en la slovakan aŭ en la ĉeĥan, aŭ el la slovaka en Esperanton. Ĝuste Esperanto estas tiu lingvo, kiu pleje influis mian ĝisnunan vivon.

## RENKONTIĜO KUN ESPERANTO

Kun Esperanto mi amikiĝis en la jaro 1993, kiam mi tute hazarde trovis la unuan el la serio de E-lecionoj en la katolika familia gazeto *RODINNÉ SPOLOČENSTVO* (Familia Komunumo). La aŭtorino de la kurso estis samideanino Magda ŠATUROVÁ. Ĉar mi ĝenerale tre ŝatas studi lingvojn, Esperanto tuj tre ekplaĉis al mi, kaj tial mi abonis la gazeton por la tuta jaro por povi daŭrigi en la kurso. Post unu monato mi trovis en alia katolika gazeto anoncon de esperantistino Terézia BRANIŠOVÁ, kiu ofertis E-

kurson. Mi aliĝis al ĝi kaj ricevis krom aliaj ankaŭ multajn utilajn adresojn de Esperantistoj. Mi frekventis kelkajn pliajn E-kursojn kaj post duonjaro mi jam ekkorespondis kun novaj Esperanto-amikoj el Pollando kaj Ĉeĥio. Tre feliĉigis min, ke mi ekkonis Esperanton, ĉar ĝi malfermis al mi pordon al la Esperanto-movado. Unue temis pri la katolika movado, en kiu mi membriĝis en 1993, kaj poste ankaŭ universala movado (ekde 1996).

**E-KONGRESOJ**

Mi partoprenis diversajn E-aranĝojn kaj kongresojn, sed kun aparta plezuro mi memoras mian unuan E-kongreson. Ĝi estis la 48-a IKUE-kongreso en OLOMOUC en 1995. Mi spertis tre agrablan etoson, kiun oni renkontas nur dum Esperanto-kongresoj. En 1996 mi partoprenis mian unuan Universalan kongreson de Esperanto en PRAGO, do mi povis ekkoni ankaŭ la ĝeneralan Esperanto-movadon. Ekde la jaro 1997 mi partoprenadis Katolikajn Esperanto-tendarojn en SEBRANICE apud LITOMYŠL, Ĉeĥio, kaj la sekvan jaron mi komencis en ĉi tiu tendaro ankaŭ instrui Esperanton. Mi aktivis en IKUEJ (Internacia Katolika Unuiĝo de Esperantista Junularo) kaj poste iĝis ĝia prezidanto (de 2000).

**FAKA AGADO**

Mi estas ankaŭ membro de la komitato de AEH - Asocio de Esperantistaj Handikapuloj kun sidejo en PARDUBICE, Ĉeĥio. En 2003 mi iĝis estrarano de la nov-fondita SKEJ (Slovakia E-Junularo) kaj mi estas membro ankaŭ de la slovaka sekcio de IKUE, kies prezidantino estas s-anino Magda ŠATUROVÁ. La sekcio havas proksimume 50 membrojn kaj ĝi organizas ĉiun lastan merkredon en la monato renkontiĝojn en la domo *QUO VADIS* en BRATISLAVA kaj ankaŭ renkontiĝojn kunlabore kun la ĉeĥa sekcio de IKUE en diversaj lokoj de Ĉeĥio kaj Slovakio. Ĉi tiuj sekcioj jam organizis kelkajn komunajn buskaravanojn al IKUE-kongresoj - tri foje al RIMINI, unu foje en ZAGREBON kaj ĉijare oni planas komunan buskaravanon al KRETINGA, Litovio. Pasintjare mi partoprenis Ekumenan kongreson en RIMINI, organizitan de IKUE kaj KELI (Kristana Esperantista Ligo Internacia). Dum la ĝenerala kunveno de IKUE okazis ankaŭ balotoj de la nova estraro de IKUE kaj mi estis elektita en la balotan komisionon. Nia tasko estis kalkuli ĉiujn perpoŝte alvenintajn voĉojn de la balotintoj, kaj ankaŭ voĉojn de la ĉeestintaj IKUE-anoj, kiuj balotis surloke. Ni (mi kaj du italoj) do havis sufiĉe da laboro por la tuta posttagmezo.

*IKUE kaj la Esperanto-movado ĝenerale donas al mi ege multon.*
*Dank' al ĝi mi trovis tre bonajn amikojn en la tuta mondo, vizitis novajn lokojn kaj landojn kaj akiris novajn spertojn kaj travivaĵojn.*
*Kun certeco mi povas diri, ke Esperanto enorme pliriĉigis mian vivon.*
*Mi klopodos, ke mia laboro kontribuu al ĝia progreso.*

Intervjuis: **Katarína BODNÁROVÁ**

## KAMIONO SUR LA TRAJNO – REALECO

La fervoja alpa aŭtostrato iĝis realeco ekde la 4-a de novembro 2003. Kamionoj povas de nun uzi la trajnojn inter Francio kaj Italio tra la fervoja tunelo Mont Cenis.

La servo estas ekspluatata de societo de itala rajto *AŬTOSTRADA FERROVIERA ALPINA*, konstituita interalie de la SNCF kaj de *TRENITALA*. Tiu servo komenciĝas per senpaga periodo kaj rapide atingos la frekvencon de kvar ĉiutagaj navedoj inter BOURNEUF-AITON apud CHAMBERY kaj ORBASSANO en la ĉirkaŭaĵo de TORINO.

Unuaj strataj transportistoj partoprenintaj la prov-veturojn taksis tiun novan surrelan servon interesa. Dum la eksperimentad-periodo de tiu sistemo, kiu daŭros ĝis fino de la jaro 2006, ĉefe la cisterno-kamionoj (pro la fervoja limprofilo) profitis tiun servon. La traktoroj kun la postveturiloj aŭ nur la postveturiloj povas esti ŝarĝataj sur la trajnojn, kiuj ankaŭ enhavas pasaĝervagonon por akcepti la ŝoforojn. Dum tiu periodo inter 35 kaj 50 miloj kamionoj povos esti ŝarĝataj jare. Preskaŭ ĉiuj kamionoj povos veturi al tiu alpa fervoja aŭtostrato fine de 2006, kiam la nunaj laboroj, ĉefe faritaj por pligrandigi la fervojan tunelon de Mont Cenis, estos realigitaj.

**Jean RIPOCHE,** *INTERNACIA FERVOJISTO* 2004.1

## FERVOJISTO

Li staras sur posten' de l'vojo
En servo por transportafer'
Ke la veturo estu ĝojo
Al pasaĝero sen danĝer'.

Li zorgas do pri la veturo,
Pri vojo certa sen difekt',
al estroj montras kun sekuro
Signalojn verdajn sen suspekt'!

Ke paŝu varoj senprokraste
Kaj ĝuste al la adresit',
Egale etajn, grandajn haste
Transdoni sen domaĝ', sen split'.

Ĉar respondecon plenan havas
La fervojist' sur sia plac',
De li dependas, kio gravas,
Trafiko, vivo kaj la pac'!

El E-lernolibro de
**Gvozden SREDIĆ**



gaja societo dum la 45-a Internacia Fervojista E-Skisemajno
*Foto: Rosemarie WALLEMANN, AT*

## PRI *TRANSRAPID*

La germana registaro decidis konstrui linion de ĉi magnetŝveba sistemo inter HAMBURGO kaj BERLINO, sed poste nuligis tiun decidon. Simila projekto en la germana provinco NORDREJN-VESTFALIO estas nuligita. Restas realigota projekto inter la ĉina urbo ŜANHAJO kaj ties flughaveno.

Sed Bavario ne tiel facile rezignas. Laŭ onidiro la trafiko inter MUNKENO kaj ties flughaveno plej facile okazas per flugo! Tie oni do fondis *BAVARAN MAGNETTRAJNAN PREPARAN ASOCION*, ĉar la nuna trajnveturado daŭras 40 minutojn, kaj je rapido de 350 km/h magnettrajno uzus nur 10 minutojn.

***DANA FERVOJISTO,*** januaro-februaro 2004

## LEGENDOJ PRI LA ALTAJ TATROJ - IV.

### URSA VIZITO EN JAVORINA

Renkontiĝo kun urso ne estas tiel rara en densaj arbaroj en Javorina. De tempo al tempo la malsata urso promenis inter la domoj kaj, laŭdire, ĝi eniris eĉ endomen. Ĉio komenciĝis unu vesperon per ekkrio de mastro Plučinský. Scivolaj javorinanoj alkuris al lia ligna domo. Ektimigita viro pene diris, ke en lia ĉambro, meze ĉe la tablo, sidas maljuna ursino. La homoj longe cerbumis, kiamaniere forpeli la beston el la domo. Subite iu elpensis bonan ideon kaj tra la malfermita fenestro enĵetis la katon. La kato unue hirtiĝis, sed poste elkuris tra la malfermita pordo. Post la miaŭanta kato aperis en la pordo ankaŭ la ursino kaj bruante forkuris al proksima picea arbaro. Timigitaj homoj kvietiĝis, nur kiam la murmuro malaperis en densaj javorinaj arbaroj.

*Rimarko: Tiun ĉi rakonton vi povas uzi kiel recepton en la kazo de nebonvenita vizitanto en via domo.*

**Kaj fine kelkaj LA PLEJ faktoj pri Tatroj:**

| | | |
|---|---|---|
| **La plej altaj montopintoj** | **Gerlachovský štít** | **2 654 m** |
| | **Gerlachovská veža** | **2 642 m** |
| | **Lomnický štít** | **2 634 m** |
| | **Ľadový štít** | **2 627 m** |
| | **Pyšný štít** | **2 627 m** |
| **La plej altaj akvofaloj** | **Kmeťov vodopád (Nefcerský potok)** | **80 m** |
| | **Vajanského vodopád (Temnosmrečinský potok)** | **30 m** |
| | **Skok (Mlynský potok)** | **25 m** |
| | **Katarakty (Studený potok)** | **22 m** |
| | **Obrovský vodopád (Studený potok)** | **20 m** |
| **La plej grandaj lagoj** | **Veľké Hincovo pleso** | **20,08 ha** |
| | **Štrbské pleso** | **19,76 ha** |
| | **Nižné Temnosmrečianske pleso** | **12,00 ha** |
| | **Vyšné Bielovodské Žabie pleso** | **9,56 ha** |
| | **Popradské pleso** | **6,88 ha** |

**Vizitu, ĝuu kaj PROTEKTU la naturon!**

Esperantigis **Jarmila RECHTORISOVÁ**

## LA 77-A KONGRESO DE SAT EN BRATISLAVA PROKSIMIĜAS

**La legantoj estis jam informitaj en la n-ro 4/2003 de Esperantisto Slovaka pri la 77-a kongreso de SAT, kiu ĉi-jare okazos la unuan fojon en Slovakio, nome en ties ĉefurbo BRATISLAVA. Ĉi tiu grava Esperanta evento okazos ekde la 14-a ĝis la 21-a de aŭgusto 2004. Kiel estis jam menciite, la organizan garantion de la entrepreno transprenis la kongresa agentejo KAVA-PECH el DOBŘICHOVICE (CZ) en la kunlaboro kun Esperanto-Societo (ESO) BRATISLAVA.**

**Kompare kun la sciigo en la 4-a n-ro okazis la ŝanĝo koncerne la kongresejon, nome la kongreso ne okazos en la kultura domo TRNÁVKA, kiu ĉesas sian funkciadon, sed en la hotelo BRATISLAVA (CITY HOTEL BRATISLAVA, Seberíniho 9, BRATISLAVA), kie okazos la ĉefa programo kaj kie pluraj kongresanoj povos ankaŭ loĝi. Malpli multekosta loĝado eblos en la studenta hejmo LAFRANCONI, aŭ oni povas ankaŭ aliĝi sen mendo de tranokto, se oni havas propran tranokteblon.**

**La legantoj jam estis informitaj ĝenerale pri la kotizoj kaj prezoj de la kongreso. Ni nur emfazu, de la membroj de SKEF kaj de ĈEA ĝuas speciale favorajn aliĝkotizojn, se ili aliĝos ĝis la 31-a de marto 2004. La detalajn informojn vi petu aŭ ĉe: KAVA-PECH, Anglická 878, CZ 252 29 Dobřichovice, aŭ vi povas trovi ilin sur la reto: www.esperanto.sk**

**Ĝis la fino de januaro aliĝis naŭ dekoj da partoprenontoj el 17 ŝtatoj, ne nur el Eŭropo, sed ankaŭ ekstereŭropaj. Do, la slovakaj gesamideanoj havos eksterordinaran eblon prezenti sian patrujon kaj ties vivon kaj kulturon al la larĝa, vere internacia, kolektivo da kongresanoj. Ne necesas substreki, ke ĉiu efika helpo (ĉiĉeronoj, interpretistoj kaj aliaj helpantoj) estas bonvena kaj dezirata.**

**Zdeněk PLUHAŘ,** sekretario de OKK

## INVITILO

Asocio de E-Handikapuloj kun sia Internacia klubo kaj Esperanto-klubo de d-ro SCHULHOF en Pardubice, CZ, elkore invitas vin al la **Internacia Renkontiĝo kun la Jarkonferenco de AEH-IKEH** kaj al la tradicia **15-a Esperanto-Tago**, kiu efektiviĝos ***ek de la 24-a ĝis la 29-a de aŭgusto 2004*** en ***Rybitví*** ĉe Pardubice.

Pluajn informojn vi povas ricevi en la adreso: **AEH, Asocio de Esperantistoj Handikapuloj, Jarmila RÝZNAROVÁ, Na Okrouhlíku 953/21, CZ 530 03 Pardubice**

## NOMUMO DE LA NOVA ĜENERALA DIREKTORO DE UEA

La 22-an de decembro 2003 la estraro de UEA nomumis Ĝenerala Direktoro s-ron Osmo BULLER (kiu ĝis 2002 jam estis la Ĝenerala Direktoro de UEA).

Osmo BULLER, kiu antaŭ du jaroj preferis alian laborlokon, nun estis inter la kandidatoj por la posteno de Ĝenerala Direktoro. Li daŭre sentas sin kunrespondeca pri la bonfarto de la Esperanto-movado kaj tute aparte de Universala Esperanto-Asocio. Cetere li agnoskas, ke kun la nuna estraro ja li povas kunlabori.

Neniam estis veraj malkonsentoj pri la ĝenerala linio de la Asocio, kaj ĉiuj koncernatoj fakte harmonie kunlaboris pri la preparado kaj efektivigo de la antaŭa Kampanjo 2000 kaj de la nuna laborplano. Kaj la estraro kaj la nova Ĝnerala Direktoro agnoskas, ke la pasinteco estas konsiderinde fermita kaj la situacio de ĝenerala interkonsento en UEA povas esti konsiderata reakirita.

Kandidatiĝis por la funkcio de Ĝenerala Direktoro kelkaj personoj kaj estis kontaktoj kun potencialaj kandidatoj kaj el okcidenteŭropaj landoj kaj el landoj ekster Eŭropo. La estraro ekzamenis la kvalifikojn de ĉiuj kandidatoj kaj ankaŭ la personan situacion, tute aparte en la kazoj de bezonataj laborpermesoj en Nederlando.

La estraro agnoskas, ke Osmo BULLER havas plurjaran sperton pri la proceduroj de la Centra Oficejo. Kvankam en la lastaj du jaroj la procedo de modernigo de kelkaj fakoj en la oficejo kaj en la funkciado de la estraro mem kuntrenis modifojn kaj pliajn aŭtomatigojn, la novelektita Ĝenerala Direktoro povos facile daŭrigi tiun procedon.

La estraro fidas la promeson de Osmo BULLER plene sin dediĉi al harmonia organiza laboro kaj al senkondiĉa antaŭenigo de UEA kaj la Esperanto-movado.

**GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA** n-ro 173, 2003-12-23

## NOVJARAJ STATISTIKOJ DE UEA

Ĝis la 9-a de januaro al UK en PEKINO jam aliĝis 549 personoj el 44 landoj de la mondo.

En 2003 en UEA membris 5 627 personoj, kio estas je 0,9 % malpli ol en la antaŭa jaro.

Trevor STEELE, la Ĝenerala Direktoro de UEA komentas la tendencojn tiel: „Plej malbona estas la falo de junaj membroj (MJT kaj MAT) kaj de membroj kun Gvidlibro (ofte unuafojaj). Sed tiu fina rezulto, falo de eĉ ne unu plena procentaĵo, estas relative esperiga. La plej granda ŝanĝo estis salto en la nombro da membroj kun Jarlibro.“

**GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA**

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA

La antaŭulo nomiĝis „*FLORAJ LUDOJ*“. Ĉi-konkurso estis iniciatita en 1909 dum la 5-a UK en BARCELONO. En 1949 Reto ROSETTI proponis revivigi la iaman aranĝon kaj unu jaron poste, en 1950, la Estraro de UEA akceptis la regularon de la projekto „*BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA*“.

La unuajn 25 jarojn sumigas aparta antologio titolita „*25 JAROJ*“ (eldonita en 1977). En ĝi staras: „Ĝis la fino de 1975 estis prezentitaj al la Konkursoj proksimume 2 100 eroj en diversaj branĉoj kaj aljuĝitaj iom pli ol 300 premioj al iom pli ol 100 personoj.“

Inter ili troviĝis ankaŭ du slovakoj: E. V. TVAROŽEK kaj L. IZÁK. E. V. TVAROŽEK konkursis per teatraĵoj en: 1969, 1970, 1988, per poemoj en: 1971 (originala poemo ‚Al la vento‘ ricevis la 2-an premion), 1973, 1976. L. IZÁK konkursis en: 1960 (originala poemo ‚Al Altaj Tatroj‘ ricevis la 2-an premion). De tiam pasis pliaj 25 jaroj.

Belartaj konkursoj okazos ankaŭ en 2004, nun la 55-an fojon. La konkursaĵoj estu senditaj al la CO de UEA plej laste ĝis la 31-a de marto. Detala regularo troviĝas ĉe <www.uea.org> kaj haveblas ankaŭ de la CO. La plej bonaj E-artistoj ricevos premiojn ĝis 420 eŭroj.

*Katarína BODNÁROVÁ*

## LUDOVIKO IZÁK: AL ALTAJ TATROJ

El ebenaĵo altiĝantaj ŝtonmirakloj:
vin sube ĉirkaŭringas akvoj, supre agloj.
Per pintoj kiel fiŝojn kaptas vi la nubojn.
Tre ofte, dissterninte la nebulojupojn
Trompserĉas, ŝajnigante, ke vi ne ekzistas.
Tuj poste, forĵetinte ilin, vi ne plu rezistas
Al homrigard‘, nudecon vian avidanta...
Nur venu, venu, homamanto diletanta:
elektu mortospecon, ardan rekompencon
pro amotuŝoj! ... Ne toleros ĉi atencon
Vestaloj vi fieraj de jarmilionoj,
smeralde mar-okulaj log-medalionoj!

Vir‘ en Giganta Akvofal‘ sin volis duŝi?
Bonvolis vi kompleze lin sub rokon puŝi:
li eterniĝis kun okuloj mirigitaj;
ili sur fotoj eĉ nun brilas morton spitaj...
Eksentas vi junulon vantan kaj blasfeman?
deskrapos lin: formikon rampe konkereman;
lavange superŝutos per granitkitelo
kaj zorge kovros per ermena neĝmantelo.

Ĉar dum piedoj viaj dancas en sunlimo,
hararoj viaj? – vip‘ de ŝtormo-frenezumo!!!

Vin plugas glaciejoj, trempas pluvinundoj,
bruligas sunofrapoj, fendas frostovundoj
jam de pratempe. Tamen ĉiam des pli belaj
eĉ sen haŭteroj vi fariĝas. Nur ribelaj
vi restas. Sed jam ĉesis via monopolo:
salutojn kaj minacojn sendi al la Foro!
(Floraro, faŭno per instinkt‘ sin tenas vive
pereŭs Hom‘, kredante al instinkt‘ naive:
science ekipita viajn sorĉojn kribras;
palpiloj liaj jam en Universo vibras!)

Sed nin ne timu: feblajn mortokandidatojn
indulgu nin, renversu la kondamnajn fatojn.
Ne volu nin vi per sovaĝa venĝo buĉi:
el molaj mamoj lasu novan vivon suĉi!!!
Al plena resaniĝo donu sunan gracon
kaj al popoloj niaj – poreternan pacon!!!...

## KONKURSU EN 2004!

UEA invitas vin partopreni la 55-ajn Belartajn Konkursojn.
Ĝi atendas viajn ĝis nun ne publikigitajn poeziaĵojn, prozaĵojn, teatraĵojn, eseojn, kantojn kaj vidbendojn. Eblas konkursi ankaŭ en branĉo ‘Infanlibro’, sed la konkursaĵo devas esti jam presforme aperinta. La premioj diversas de 80 ĝis 420 eŭroj.

Detalan regularon vidu ĉe <***www.uea.org***> ĉe ‚Regularoj‘ aŭ petu rete ĉe <***uea@co.uea.org***>

## EŬROPA BUNTO

Vi certe jam aŭdis pri la manifestacio *EŬROPA BUNTO*: tiu eŭropskala manifestacio okazos en STRASBURGO la 9-an de majo 2004. Ĝi estas organizata ĉefe de esperantistoj, kun la apogo de EEU (*EŬROPA ESPERANTO-UNIO*), kaj ĝi celas kunigi kaj ĉiujn eŭropajn Esperanto-asociojn kaj ankaŭ ĉiujn aliajn neesperantistajn asociojn, kiuj okupiĝas pri lingvoj. La hejmpaĝo de <*http://europa.bunto.free.fr*> jam disponeblas en 32 lingvoj de Eŭropa Unio (kaj baldaŭ eĉ pli), kaj vi ne hezitu jam anonci tuj la partoprenon de via asocio: ni ĝin aldonos ĉe la paĝo *http://europa.bunto.free.fr/asocioj.htm.*Per tiu manifestacio oni montros la lingvan diversecon de la nova Eŭropa Unio (kiu tiam estos 20-lingva oficiale) kaj espereble konsciigos la publikon (kaj eble politikistojn) pri la fakto, ke necesas agi por konservi tiun multlingvecon, kiu ampleksas certe pli ol 50 lingvoj anstataŭ tiuj 20 oficiale permesataj. Plie, eĉ tiuj permesataj lingvoj fakte estas minacataj de la nuna politiko de la Eŭropa Unio, kiu privilegias nur kelkajn lingvojn ĝis ununura lingvo-hegemonio. Ju pli da homoj kaj da asocioj partoprenos tiun manifestacion, des pli ĝi estos efika: esperantistoj estas iniciatintoj de tiu agado, sed ni invitu plej multe da homoj (ĉu esperantistaj ĉu ne) kiel eble por veni. La sukceso de tiu grava eŭropa evento dependas nur de ni! Do, por kontakti ĉiulingvajn neesperantistajn asociojn, ni bezonas landajn (kaj eventuale ankaŭ regionajn, se eblas) kunordigantojn. Ĉiu interesito por iĝi landa kunordiganto anoncu sin. La landaj kunordigantoj estu prefere esperanto-parolantoj (sed ne nepre) ĉar la ĉefa laborlingvo por la organizado de la manifestacio estas Esperanto (la kunordigantoj poste utilos, kiel perantoj por siaj landaj lingvoj).

**La tasko de landa kunordiganto estas sufiĉe simpla kaj facila:** * informi kaj inviti sialandajn esperantistojn, Esperanto-klubojn, ktp. por partopreni al la manifestacio (artikoloj ĉe E-gazetoj, mesaĝoj al dissendolistoj…); * inviti la pri-lingvajn asociojn de sia lando al la manifestacio (mi pretigis modelan invitleteron tradukeblan por tiuj, kiuj bezonas); * zorgi pri la fakto, ke ĉiu partoprenonta asocio kreu siajn banderolojn kaj panelojn por la manifestacio; * informi la manifestacian kunordiganton, kiuj asocioj partoprenos (kaj se eblas, kiom da homoj proksimume por ĉiu lando venos); * eventuale (tio estas fakultativa) organizi komunajn transportojn al STRASBURGO por sialandaj partoprenantoj.

**Sébastien ERHARD** (ĝenerala kunordiganto de la manifestacio); laŭ interreto

## EN ES 4/2003, PAĜO 25, VI POVIS LEGI ARTIKOLON CENT ESPERANTISTOJ EL ĈIUJ LANDOJ DE LA UNIO... JEN LA POSTSEKVOJ:

En Bruselo, en la Eŭropa Parlamento, la 7-an kaj la 8-an de decembro 2003 okazis konferenco, organizita de la Radikala Partio de Italio (gvidata de itala politikisto Marco PANELLA). Kvarcent delegitoj kunsidis en la konstruaĵo de Eŭropa Parlamento. En la tagordo de la konferenco estis diversaj punktoj el la agado de Radikala Partio de Italio, sed la ĉefaj punktoj de la tagordo estis subteno, ke Esperanto estu endokondukata kiel lingvo en Eŭropa Unio, precipe en lernejaj edukaj sistemoj. La oficialaj lingvoj de la konferenco estis la itala, hispana, franca, germana, angla kaj Esperanto.

La konferencon ĉeestis delegitoj el 25 landoj nun membrantaj en EU, samkiel landoj, kiuj baldaŭ eniros EU kiel kandidatoj.

La unuan fojon en la historio de Eŭropa Parlamento okazis simultanaj tradukoj el kaj al Esperanto.

Prezidanto de la Eŭropa Radikala Partio Marco PANELLA klare kaj decide subtenis la projekton, ke Esperanto estu enkondukata kiel eŭropa lingvo en EU. Tiu propono ricevis grandan aplaŭdon.

La hungara ŝtatestro Ferenc MADL sendis antaŭ kelkaj tagoj subtenan leteron pri Esperanto al komisiono pri Mez-Eŭropo ( kiu funkcias kadre de UEA) surbaze de la letero kun konkludoj pri antaŭenigo de Esperanto. Tiu letero estis sendita al gravaj politikistoj en Mez-Eŭropo post la septembra kunsido de mezeŭropa komisiono en Pollando.

**Katarína BODNÁROVÁ**

## GRATULO



**La *6-an de marto 2004* eldiris sian “jes“ por la komuna vivo nia redaktorino Katarína BODNÁROVÁ, kiu fariĝos muzo de Trevor STEELE, la (eks)direktoro de Centra Oficejo de UEA.**

***Al la novgeedzoj ni deziras nur sunajn kaj amoplenajn tagojn!***

*@ Gratulon al la redakta komitato! Ili meritas grandan gratulon, ĉar ili plenumis tion, kion ili promesis. Aperis, eĉ malgraŭ diversaj malfacilaĵoj, la kvar numeroj de nia gazeto ESPERANTISTO SLOVAKA, kiuj enhavis ĉion por informado de la membraro. Ni trovis erojn el la historio, diversajn fakangulojn, aktualajn legaĵojn, literaturajn kaj lingvajn angulojn, vortkrucenigmojn kaj multajn aliajn interesaĵojn.*
*Mi esprimas al la redakta kolektivo sinceran dankon kaj deziras al ili por la nova jaro multe da entuziasmo, bonegajn kontribuaĵojn kaj firman sanon, ke ili denove povu daŭrigi sian ne facilan kaj respondecan laboron.*

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto n/Váhom*

*Mi tre ĝojis vidi la kvaran ES! Tamen vi sukcesis! Gratulon! La literoj pli grandaj, la enhavo bunta, bone elektitaj „spicaĵoj“, la aperigitaj fotoj sufiĉe klaraj - interesa revueto. Mi rimarkis, ke vi varbis plurajn eksterlandajn abonantojn! Miaflanke unu riproĉeto - ne enestis la foto ĉe la tombo de KOMENSKÝ.*

*Katarína BODNÁROVÁ* **?**

*@ Esperantisto Slovaka 4/2003 kun la bela muziko kaj poemo „Donu, Dio, Bonan Sorton“, ĝoja kristnaska slovaka karolo, estis sendita al mi, tre ĝentile. Mi ricevis bone la revuon, kaj mi tre aprezas ĝin. Fakte ĝi estas enhavriĉa magazino. Certe, mi tre dankas tiun sendon. Se eble, mi ŝatus daŭrigi ricevante.*

*Hilmar I S FERREIRA, UEA-FD-Itabuna-Bahia-Brazilo, www.geocities.com/hilmar_ilton* **?**

*Estimataj redaktantoj, bonvolu akcepti mian ĝojon kaj admiron pri via laboro. Mi unuan fojon legis numeron de Esperantisto Slovaka de pasinta jaro kaj mi estis tre ravita per ĝi. Dankon! Kaj mi invitas vin viziti nian retpaĝon <www.mlboleslav.cz/esperanto>.*
*Sed tuj mi kaptas okazon, ke mi proponus tri informojn, eble utilajn por legantoj:* Invito al semajna lingva seminario *en Ĉeĥa paradizo, kiu okazos jam 18-an fojon. Ĝi okazos de la 14-a ĝis la 21-a aprilo 2004. Jam partoprenis hungaroj, poloj, germanoj, anglo, nederlandano, francoj... sed neniam bedaŭrinde slovakoj... En la jaro 2003* aperis *70-paĝa LEGOLIBRETO kun mallongaj artikoloj, fabeloj, artikoloj kaj eltranĉoj de diversaj E-libroj kun aktuala enhavo konvena por studentoj de la lingvo, sed trovas ĉi tie por legi eĉ mezgraduloj kaj spertuloj. Ĝia prezo estas 40 Kč, komike, ĉar prezo de poŝtkosto estas 50 Kč; do, pli oportune peti ĉe mi pli da ekzempleroj samtempe. Same vi povas mendi ĉeĥan* tradukon *de la libro de geedzoj ROBINEAU ILI VIVIS SUR LA TERO (Osm let na cestách po naší planetě) je la prezo 200 Kč.*

*Kore salutas JoDo - Jindra DRAHOTOVÁ, Sadová 745, CZ – 293 01 Mladá Boleslav DrahotovaEsperanto@seznam.cz, telefone 0042/326 731 845 (vespere)* **?**

*@ Kara Fejfi (eble vi memoras ankoraŭ pri Plzeno, pri nia rekonstruata domo – estis kelkaj belaj tagoj), mi korege gratulas al via bonega gazeto ESPERANTISTO SLOVAKA – kaj al vi kiel unu el la redaktor/in/oj! Nia klubano s-ano KAPRÁL ĝin pruntis al mi kaj mi ĝin kun granda intereso, kun amuzo mi tutan tralegis kaj sentas neceson laŭdi vin!*

*Marie ZÝKOVÁ, Plzeň, CZ* **?**

*Mi kore dankas por ESPERANTISTO SLOVAKA. Krom la abonkotizo mi sendas al vi pluajn kvin eŭrojn kiel donacon por via gazeto. Ni deziras al vi kaj viaj geamikoj multan sukceson kaj ĝojon kun ĝi.*

*Karl kaj Erika NIMMRICHTER, Bischofswerda, DE* **?**

*@ Kara Magdalenko, mi salutas vin el nia urbo kaj sciigas, ke mi denove mendis ESPERANTISTON SLOVAKA pere de Vladislav HASALA el STRÁŽNICE. Elkore salutas*

*Blanka ZUBOVÁ, Lysá nad Labem, CZ*

*ESPERANTISTON SLOVAKA ni eluzas en nia klubejo ĉe la DOMO DE INFANOJ KAJ JUNULARO en ZNOJMO. Aktive kunvenadas ĉiumerkrede 5-6 esperantistoj, kiuj pliprofundigas siajn konojn per ekzercado de gramatiko kaj per konversacio je elektitaj temoj. La kunvenojn ni eluzas ankaŭ por informado pri interesaĵoj el esperantistaj bultenoj – STARTO, HEROLDO DE ESPERANTO, AEH-INFORMILO, JUNA AMIKO kaj ESPERANTISTO SLOVAKA. La enhavo de via bulteno plaĉas al ni. El la lasta numero – 4/2003 – ni ekzemple komune solvis Gramatikan enigmon; tio estis tre interesa kaj mi sendas al vi la rezulton nome de la tuta societo. Mi deziras al vi kaj ankaŭ al SKEF multajn pluajn sukcesojn en via laboro por Esperanto.*

*Stanislav BRŠLICA, Znojmo, CZ* **?**

*@ Mi dankas vin por la afabla sendo de 3/2003 ESPERANTISTO SLOVAKA kun la pika prikata (kaj pli prihoma) poemo en du lingvoj – eĉ kun portreto ne de kato brita, sed de mi... Estis ĝentila gesto, kaj mi dankas.*

*Marjorie BOULTON, Oxford, GB*

**DE IVAN SLÁVIK** KARAJ SOLVANTOJ DE LA KRUCVORTENIGMOJ, JEN NIA DEZIRO POR VI:




HORIZONTALE: A. La unua parto de la kaŝfrazo. B. Loko en la centro de cirko por bataloj kaj ludoj – konifera arb' – angulo antaŭen formita de sidanta homo – arbo konifera – part' de la vorto. C. Mallongigo de la limito en matematiko – nombr' dividebla nur per si mem kaj per la unuo – mallongigo de iamaj Turismaj Tagoj en Žilina – la rivero komenciĝanta en Ĉeĥio kaj trafluanta tutan Pollandon norden – prepozicio signifanta "apartigante", esceptinte, ne enkalkulante – substantivo devenanta el sufikso esprimanta la plej malaltan objekton. D. Nedifina pronomo montranta iun objekton, aferon, ideon – kalka tegaĵo de iuj moluskoj – scias, havas en kono – konjunkcio uzata post komparativo. E. Demando pri la tempo – farita el oro – instrumento – planedo, kie ni, homoj, loĝas. F. Havanta palan koloron – turka ĉap' el ruĝa aŭ blanka drapo kun pendanta nigra peniko – aera kobold' de la skandinavia mitologio – malnovgreka dio de la amo. G. Ekkrio ĉe la komenco – la plej grasa tavolo sur la lakto, kiun oni buterigas per kirlado – griza, facile fandebla metalo (Sn) – latine "kaj". H. La numero 9 – la supera membr' ĉe la homo – fin' de la vivo – loĝant' de la norda Britio – ligna vegetaĵo – inklino aŭ kutimo al io. I. Mahometism' – fama monto el la Biblio (radiko) – kanto el opero – tero kaj polvo miksita kun malpura akvo – part' de la filozofio studanta la leĝojn de rezonado. J. La dua (kaj lasta) parto de la kaŝfrazo.

VERTIKALE: 1. Arb' kreskanta ĉe riveroj aŭ en malsekaj teroj, kies flekseblaj vergoj estas uzataj en korbfarado – il' por pentri. 2. Parto de la opero – nedifina adjektivo – monkesto. 3. Hungara „ne" – kalkcioksid', ĉefelement' de marmoro – kubutost'. 4. Part' de koncerna nombro – arb' sur kiu kreskas la ôomoj – mallongigo de "Anno Domini". 5. Fajrujo por kuiri kaj baki – ne lasu malfermita. 6. Part' de la poezio – prefikso montranta denovan faron de io – artefarita vizaĝ' precipe de aktoroj. 7. Lok', kie finiĝas iu difinita spaco – loko kun akvo en dezerto – demanda pronomo pri persono. 8. Mallongigo de integra – mallongigo de movado. 9. Nedifina kolektiva pronomo signifanta esceptante neniun – persona nedifinita pronomo signifanta multajn homojn aŭ kelkajn personojn. 10. Part' de la ostaro – amfibia saltanta bestet'. 11. Demando pri kvalito – en alta grado, forte. 12. Membro de iu societo aŭ grupo – unu el bazaj goniometraj funkcioj. 13. Kemia element' (J) – part' de la korpo kuniganta la kapon kun la trunko. 14. Io, kio baras aŭ malhelpas (radiko) – sekvanta post la sepa. 15. Boro inter du oksigenoj en kemio – muzika son'. 16. Nikelo kaj kalio en kemio – demanda pronomo signifanta "de kiu, de kiuj" kaj montranta la apartenecon – finaĵo de la pasiva participo. 17. Sesdek minutoj – du romiaj 50 – ago trovi (radiko). 18. Unu el la plej grandaj ŝtatoj en la mondo – rilata al fantazia rakonto. 19. Persona pronomo – komenco de la tago – nuloj. 20. Ekkrio de meksikanaj paŝtistoj – serumo – tre granda. 21. Dentoskrapa eta mamulo parenca al muso – greka litero – araba estr'. 22. Antikva greka monereto – disponebla kvanto da varoj.

HIHIH

*La* ***ĝustaj rezultoj de la Gramatika enigmo*** *el la pasintjara numero: kuko, kelo, ĉapo, vento (akcepteblas ankaŭ vintro), vazon, tuso, kaso, kelo (povus esti ankaŭ mielo), birdon, pomojn, domo, ganton, lano, kara (mi timas, ke suno estis mia tajperaro – pardonpeto kaj dankon por ĝuste retrovita luno!), jaron, seĝo, flarantan (vazoj kutime ne floras, nur enhavas florojn), kafejo, tabelo, tago, rizon.* ***Unuunuran respondon*** *ni ricevis de* ***E-klubo en Znojmo****, tamen kun menciitaj eraretoj.*

